VIIIa jaro. No 133 ★ Duonmonata ★ 5 Novembro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## Sindikatismo kaj Internaciismo

La sindikatoj, laŭ la difino ĝenerale akceptita, estas grupiĝoj de samprofesiaj laboristoj, kiuj celas la defendon de siaj komunaj interesoj, solidariĝon por la realigo de pli bonaj laborkondiĉoj, kaj reciprokan sinhelpadon okaze de konfliktoj kun dungantoj aŭ ŝtataj povoj. Se oni sin limigas al tiu difino, certe estas, ke similaj asocioj ĉiam ekzistis en ĉiuj organizitaj homgrupoj ; kvankam la nomoj kaj agadrimedoj ofte ŝanĝis, la celo ĉiam estis la sama : batalo por la defendo de la profesiaj interesoj.

Eĉ se ni iras ĝis la Egiptoj kaj la Hindoj, ĉe kiuj la divido de la loĝantaro laŭ klasoj ŝajnis baziĝi preskaŭ ekskluzive sur profesiaj diferencoj, ni ja scias, ke la antikvaj Grekoj kaj la Romanoj posedis metiajn kolegarojn. Dum la Mezepoko, dum la modernaj tempoj ĝis la komenco de la XX-a jarcento en la tuta centra kaj okcidenta Eŭropo, kun malsamajoj en la organizo kaj agado, ekzistis korporacioj kaj gildoj. Niaj nunaj sindikatoj ŝenpere ligiĝas al la korporacioj de la antaŭa historia periodo.

Tiuj laŭprofesiaj grupiĝoj estas neeviteblaj. Ili iel estas la konsekvenco de tio, kion la raciistaj filozofoj de la XVIII-a jarcento nomis « natura leĝo » kaj kion niaj nuntempaj sociologoj pli simple nomas « historia konstato ». Tiun facilege konstateblan fenomenon ni nomos la grupiĝo de la similuloj.

Ĉiam individuoj de la sama speco, ricevinte similan edukadon, vivinte en similaj medioj, sin dediĉintaj al samaj laboroj, devige akiiras similan mentalon. Havante kapablojn kaj aspirojn komunajn, ili serĉas unu la alian ne nur por sin distri, sed ankaŭ por sin reciproke defendi kaj subteni. La fakto, ke homo trovas kunhomon, sufiĉas por ilin reciproke alproksimigi, por krei inter ili grupiĝon, societon. Tio estas la socia fenomeno en sia tuta ĝeneraleco. Oni do ne devas miri, ke ĉiam homoj havantaj la saman profesion, plenumantaj ĉiutage la samajn laborojn, vivantaj sammaniere, sekve havantaj identajn postulojn, estis ĉie propramove instigitaj grupiĝi por la defendo de siaj interesoj. Sed, se la tendenco al la kuniĝo estis nerezistebla, ĉar ĝi respondis bezonon de la homa naturo, la formo de tiu grupiĝo, ĝia interna organizo, ĝia politiko multe variis laŭ la epokoj, ĉar al la jus farita konstato oni devas aldoni alian : pro tio ke la medioj, en kiuj formiĝis tiuj profesiaj asocioj, senfine varias, tiuj grupiĝoj ĉiam devis adaptiĝi al tiuj medioj.

La ĝenerala organizo de la homa socio senĉese transformiĝas ; same, la profesiaj grupiĝoj ĉiam devis modifiĝi laŭ la cirkonstancoj por resti en ekvilibro kun sia medio.

La politika, ekonomia, religia kaj etika organizo de la malnova Romo ne estis tiu de la Mezepoko ; se la profesiaj asocioj ne ŝanĝis sian celon, ili ŝanĝis la nomon kaj samtempe la agadrimedojn. En Romo, kie la tuta vivo estis forte saturita per la religio, la metiistaj kolegaroj havis religian, mistikan organizon. Ili estis sub la protekto de iu genio, ilia kunvenejo estis templo aŭ loko dediĉita al iu dio. Nur pli malfrue ilia agado fariĝis politika.

Ne estis same dum la Mezepoko. La gildo estis organizajo samtempe loka, militista, ekonomia kaj politika. Tiun organizon klarigas la teritoria dispecigo kaj la senĉesaj bataloj, kiujn okazigis la ekonomia konkurenco kaj la konkuroj de la regemaj familioj. La korporacioj defendis siajn bienojn kiel feŭdajon. La malapero de tiuj korporacioj fariĝis neevitebla kiam, sekve de la teknikaj pekfektigoj, plene transfor-

miĝis la ekonomia vivado. Al nova organizo de la laboro devis respondi nova organizo de la profesia grupiĝo. Ĝi baldaŭ naskiĝis sub la nomo *sindikato*.

La industria koncentriĝo plenumiĝis, kaj aperis la salajrita klaso. Estas neeble, ke la laboristo hodiaŭ fariĝu mastro dum en la Mezepoka gildo ĉiu homo povis atingi la mastrecon. La apartigo inter la kapitalo kaj la laboro havis kiel konsekvencon radikalan apartigon inter la dungantoj kaj la dungatoj; tiuj lastaj iom post iom reformis la malnovajn korporaciojn, kiujn ili adaptis al la novaj sociaj cirkonstancoj.

Inter tiuj cirkonstancoj, estas unu, kiu havis gravan influon sur ilian organizon. La poganda produktado efektive devigis la produktanton plivastigi sian vendokampon. Ĉar la lokaj vendejoj fariĝis nesufiĉaj por la konsumado de la fabrikitaj produktaĵoj, estis necese trovi vendejojn pli malproksime. La granda komerco, la internacia komerco, iam limigita al spicoj kaj luksobjektoj, fariĝis ĝenerala. Por transporti tiujn produktaĵojn kaj havigi al si la necesan materialon oni devis plibonigi la komunikilojn. Ĉio, tiel, senteble internaciiĝis: produktado, transportado, konsumado, financoj, ktp. La laboro sekvis tiun movadon. Ĉie, kien penetris la industriismo, realiĝis apartigo inter la kapitalo kaj la laboro, ĉie malaperis la malnovaj profesiaj organizaĵoj kaj cedis lokon al novaj organizaĵoj proprigitaj al novaj bezonoj, ĉie, fine, la laboristoj troviĝis antaŭ la samaj malfacilaĵoj, la samaj danĝeroj, la samaj mizeroj. La facileco de la transportoj permesis al la laboristoj ne nur senpere kontaktiĝi unu kun la alia, sed ankoraŭ resti en konstanta kaj rapida komunikado per la jurnalo. Trans la landolimoj, la laboristoj sentis sian komunecon de ideoj. Ili ekvidis, ke ilia idealo estas la sama, ke iliaj postuloj estas identaj, ke similaj estas la malhelpoj superotaj; tial, ne atentante la politikajn barojn, nek la religiajn, etnografiajn kaj lingvajn diferencojn, ili kunigis sian penadon kaj organiziĝis sur internacia bazo.

Same kiel la gildo restis fermita kaj regiona je la Mezepoko sub politika reĝimo senfine dispecigita kaj sub ekonomia reĝimo de loka produktado, tiel la moderna sindikato devige kaj logike fariĝis internacia, je la XX-a jarcento, sub ekonomia reĝimo pli kaj pli internaciigita, tiel internaciigita ke estas nun neeble al iu lando izoliĝi for de l'cetera mondo. En tio ĉi kuŝas la forto de la nuntempa sindikatismo, ke ĝi ne estas la konsekvenco de la homa volo, sed kontraŭe estas trudata al la homo per eksteraj necesaĵoj. Oni povas malakceli la movadon per premaj decidoj: disrompi ĝin oni ne povos.

Kiel la industrio kaj la komerco, tiel la internacia sindikata organizo estas tre komplika. En tiu ĉi studo ni sekvos la ordon de la kreskanta malsimpleco. Ni unue zorge diferencigu la laboristan movadon kun politika karaktero el la laborista movado kun ekonomia karaktero. Ili estas esence malsamaj kaj la limo inter ambaŭ pli kaj pli klare montriĝas. La politika movado ĝenerale respondas al la epiteto *socialista*. La ĉiulandaj laboristoj grupiĝis en partioj kunligitaj tra la landolimoj, kaj reprezentataj de duobla konstanta organismo: *la Internacia Socialista Oficejo*, kies sidejo estas en Bruselo, kaj periodaj kunvenoj: *la internaciaj socialistaj kongresoj*. Pri tiu movado ni nenion diros, nek pri la *kooperativa* internacia movado, kiu estas ŝuldata grandaparte al la organizo de la laboristoj, kiu celas la plibonigon de ilia situacio ne kiel produktantoj sed kiel konsumantoj. Ni nin limigos al la ekonomia movado, por kiu taŭgas la epiteto *sindikatista*.

En ĉiu loko la samprofesiaj laboristoj grupiĝas en lokaj sindikatoj. La rilatoj inter tiuj sindikatoj estas malfirmaj ĉar malsamaj estas iliaj interesoj. Efektive, estas rimarkinde, ke je la unua grado la sindikatismo kunigas laboristojn nur laŭ ilia specialeco. La ĝeneralaj kondiĉoj estas tamen tiaj ke ili simpatie rilatas unu kun la alia. Iafoje okazas, ke sindikatoj de malsamaj profesioj de sama loko aŭ de sama regiono kuniĝas en unuiĝoj de sindikatoj kaj influas al la loka administrado. Tio okazas en la landoj, kie la komunuma memstareco estas granda. En Anglujo ili plimultiĝis sub la nomo *Trade Councils*; tio same okazas en la landoj, kie la spirito sindikatisma estas potenca, ekzemple en Germanujo.

El sama lando ĉiuj lokaj grupiĝoj kreas inter si federaciajn kaj konfederaciajn grupiĝojn. Estas federaciaj la grupiĝoj laŭ *Naciaj Federacioj* de ĉiuj lokaj sindikatoj apartenantaj al la sama profesio: ministoj, tipografoj, masonistoj, metallaboristoj, ktp. Estas konfederaciaj la grupiĝoj formitaj per la aliĝo de Naciaj Federacioj al ĝenerala organismo, la Nacia Centro de la federacioj de sindikatoj. Ĝi devas defendi ne la apartajn interesojn de iu profesio, sed la ĝeneralajn interesojn komunajn al ĉiuj laboristoj de ĉiuj profesioj interne de sama lando.

Ni nun konsideru la internacian gradon de la sindikatismo. La antaŭa klarigo estis necesa, ĉar en la internacia vivo la sindikatismo prezentiĝas sub duobla aspekto, kiu korespondas al ĉiu el ambaŭ aspektoj de la nacia organizo.

Ĉiuj naciaj Centroj de Federacioj de Sindikatoj kuniĝas por formi *internacian Sekretariejon de la naciaj Centroj de sindikatoj*. Ĉiuj profesioj estas miksitaj. La temo de ĝiaj laboroj estas la interesoj de l'tuta sindikatismo, la ekonomiaj interesoj de la tuta laboristaro. En la internacia organizo, ĝi estas la konfederacia grado.

Sed la naciaj Federacioj de profesiaj sindikatoj de ĉiu lando solidariĝas inter si por formi *Internacian Federacion* de la laboristoj de ĉiuj profesioj. La profesioj do izoliĝas kaj trans la landolimoj grupiĝas por la defendo de la internaciaj interesoj apartaj por ĉiu el ili. En la internacia organizo, ĝi estas la federacia grado.

Kiel oni vidas, la sindikatismo estas movado komplika, kompleta modelo de internacia organizo. Sed ni rapidu diri, ke la supra klarigo estas nur skemo. Estas evidente, ke ne ĉiuj laboristoj apartenas al sindikatoj, ke ne ĉiuj lokaj sindikatoj nacie federiĝas, ke ne ĉiuj naciaj federacioj aliĝas al la naciaj centroj, ktp. Por faciligi la klarigon ni laŭ la ekzemplo de la matematikistoj supozis, ke la problemo estas solvita. Ni nun detale priparolos ĉiun el la internaciaj movadoj, kaj vidos, en kiu stato ili nun estas, kion ili jam produktis, kaj kion oni povas atendi de ili.

*(daŭrigota).* Albert MAGNUS, *trad.* A. R

---

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. luksa eldono: 2,50 Sm.**

**La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.**

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La Hindoj (1)

III

La unua impreso estas farata de la strangaj markoj sur la fruntoj de tiuj popoloj. Oni vidas virojn kun tri blankaj linioj trans la brovo, aliajn kun du perpendikularaj blankaj linioj daŭrigitaj ĝis la hararo ; aliajn kun du similaj blankaj linioj sed apartigitaj de unu signifa ruĝa linio ; aliajn kun fruntoj tute ŝmiritaj de griza cindro ; kaj aliajn kun unu makuleto skarlata simila al ileksa bero aŭ tro videbla veruko. Sur nudaj sovaĝuloj tiuj markoj ŝajnus decaj aŭ konvenaj, sed sur la fruntoj de seriozaj sinjoroj en eŭropaj vestoj, aŭ respektindaj bonkoraj barbhavaj Patroj Abrahamoj en noblaj turbanoj kaj roboj de apostola majesteco, ili faras plej strangan kaj maltrankviligan efekton. Baldaŭ, tamen, la okuloj alkutimiĝas al tiuj kastaj signoj, tiuj religiaj aŭ sociaj simboloj, kiuj diras al la vidanto : « Mi estas granda sinjoro » aŭ « Mi kredas al tiu ĉi aŭ tiu dio ». Post la unua skuo de surprizo, la rigardanto trankviliĝas por observi ĉe la popolo la modelon de iliaj vizaĝoj, kaj la sanĝiĝon de iliaj mienoj.

Tiel diversaj kiel la nuancoj de iliaj koloroj kiuj iras de malgaja flava, tra ĉiuj nuancoj de bruna, ĝis ebone nigra, estas la vizaĝoj kaj mienoj de la hindaj popoloj. Unu viro estas nobla kaj reĝa, simila al roma imperiestro aŭ angla juĝisto ; alia estas tiel mongola kiel Ĥino ; tria tiel hoknaza ruzema, kaj malaminda kiel Ŝajloko ; kvara tiel bela kiel Mozeso aŭ Elio ; kvina tiel ŝvelforma kiel karikaturo ; sesa, tute tiel negra kaj besta kiel sudafrika sovaĝulo; sepa simila al la pentraĵo de Flaxman de la griza Uliso sin apoganta sur sia bastono ; oka majesta kaj malhumila kiel oni imagas estis Akbaro ; naŭa simila al la malaltfruntaj mumioj de la Faraonoj ; deka, dika sangplena malgajokula altbrova kaj densbarba kiel la mortinta Lord Salisbury ; dekunua simila al amerika Indiano ; dekdua simila al unu el la pratempaj viroj skizitaj de S-ro Reid ; kaj dektria malmodesta kaj severa kiel urba konsilanto aŭ estimata ano de la Londona konsilantaro.

Tiu ĉi rimarkinda kaj tuta malsameco ne ekzistas inter la virinoj. La subpremata kaj triviala vivo trudata al ili de la tradicio, eble klarigas la neinteresan samecon inter ambaŭ hindaj kaj musulmanaj. La viroj, alifianke, kun du cent milionoj da dioj el kiuj ili povas fari elekton, furioze interesiĝas pri la senĉesa batalo inter la disputantaj religioj, kaj pri la senĉesaj malpacoj inter sennombraj politikoj; kaj kun la laboro de monakirado kaj monamasigo ĉiam okupante siajn nedormemajn cerbojn. ili vivas pli en la mondo, kaj estas markitaj de ĉiuj pasioj de la komerco, kaj ĉiuj superstiĉoj de la templo. Vere estas neeble trograndigi la impreson kiun faras sur trankvila kaj observema animo tiu mirinda vizaĝa diverseco de la hindaj popoloj, diverseco kiu ne nur ekzistas tra la vastaj limoj de la geografio de Hindujo, sed ankaŭ estas videbla sur ĉiu strato en Bombay dum duonhora promenado.

En la polvokovritaj kaj malbonodoraj bazaroj, kiuj estas mallarĝaj stratoj flankumitaj de pupodom-similaj konstruaĵoj el pentrita ligno, kun sunŝirmiloj sur la supraj fenestroj, kaj malfermaj butikoj malmulte pli grandaj ol kuniklujoj sur la teretaĝo — en tiuj bazaroj la multnombraj personoj konversaciantaj sur la vojoj, enirantaj moskeon aŭ templon, sidantaj kun kruroj krucigitaj en la butikoj aŭ fumantaj kelkgre « hukon » sur la balkano, ŝajnas naturaj kaj kongruaj malgraŭ ilia konfliktanta diverseco. Sed vi ne povas imagi, se vi ne vidis ĝin, kian strangan efekton faras tiu ĉi granda aro de gentoj kaj vestoj en la modernaj partoj de hinda urbo, kie la ŝtonaj konstruaĵoj estas belegaj, kie aŭtomobiloj glitas preter sonantaj elektraj tramoj, kaj kie butikistoj elmontras en belegaj fenestroj ĉiujn komfortaĵojn kaj elpensitaĵojn de eŭropa lukseco. Longrobaj figuroj similaj al levidaj pastroj preterpasas malrapide antaŭ tiuj komercaj fenestroj ; elektraj tramoj plenaj de turbanoj kaj dhoti'oj svingiĝas preter granda hotelo ; aro de malgrandaj veturiloj ŝarĝitaj per kotono, kaj tirataj de malgrandaj blankaj bovoj, kun vosto-tordantaj kaj bastono-svingantaj veturigistoj sidantaj sur la timonoj, iras malglite sur la ŝtonoj, pasante la magazenon de franca modistino ; sub la banjano apud la granda oficejo de elektro-inĝeniero la barbisto sidas razante la klinitan kapon de kaŭranta hindo ; sidante sur la pavimo, apogante sian dorson sur la ferstango de elektra lampo, virino — forgesinte la tutan mondon — serĉas sur la kapo de sia filino nedeziritajn loĝantojn ; en la ombro de garaĝo plena de ronkantaj aŭtomobiloj kaj ŝvitantaj mekanistoj, la orelo-doktoro estas tre okupata puŝante ferajn instrumentojn en la orelan kavon de knabo ; kaj la malpura rondŝultra cigaredfumanta fiakristo sur la seĝo de la malgranda fiakro estas unu homo ; la duonnuda hindo batanta siajn bovojn, sur akvoŝprucilo estas alia homo ; la kvieta kaj vangharhava parsi'a monŝanĝisto sub lia blanka ombrelo estas alia homo ; la goa'a servisto en senmakulaj blankaj vestoj, portanta bukedon de floroj al sia mastrino estas alia homo ; la policano en plata flava ĉapeto, blua tuniko, kaj bluaj pantalonoj super nudaj suroj estas alia homo — kaj tiel estas tra ĉiuj belegaj stratoj kaj aleoj, ĉiu dua homo malsama kaj interesa, ĉiu vizaĝo diranta malsaman rakonton pri religio kaj kutimo, kaj ĉiu ombro sur la brulantaj ŝtonoj, falanta de malsama vojo kaj malsama vojaĝo.

*(Daŭrigota).* HAROLD BEGBIE.

*Tradukis A. P. (Calcutta), laŭ afabla permeso de la eldonistoj, S-roj Hodder kaj Stoughton, Londono.*

(1) Vidu *Esperanto* de 20 Septembro kaj 5 Oktobro.

## Turka edziĝo en Bosnio (1)

II

Ĉar mi ne ankoraŭ sufiĉe bone scias la lingvon, mi uzis la tempon por rigardi ĉirkaŭ mi en la ĉambro. La plankon kovris granda, bela, manteksita tapiŝo. La divano staranta laŭlonge la muroj estis kovrita per pezaj persaj tapiŝoj kaj lukse orbroditaj kusenoj estis la dorsapogiloj. La virinoj sidis la krurojn kruciginte sur la divano nomata *minder*, kaj mi certe aspektis strange sidante eŭropmaniere. La muroj de l'ĉambro estis tute kovritaj per orbroditaj tukoj kaj tra la fenestroj kun lignaĵaj kradoj kelkfoje penetris sunradio kiu produktis je la kontraŭa muro fajrerajn rebrilojn. En angulo de l'ĉambro staris la edziĝa lito. La kusenoj estis metitaj en bluan silkan tegaĵon kun luksaj arĝentbrodaĵoj formantaj traŭbodesegnaĵon ; same desegnita kovrilo estis surmetita. Supre kuŝis granda delikata vualtuko el blanka silko.

Ni apenaŭ eksidiĝis, oni jam donis al ni cigaredojn, sen kiuj la orientulo, ĉu viro ĉu virino, ne povas ekzisti. Post mallonga tempo prezentis la fianĉino en malgrandegaj tasoj turkan kafon ; tio estis la ĝusta momento por transdoni la donacojn ; en la malplenigitan taseton oni enigis la dukatojn. Kiam la fianĉino poste kolektis la tasetojn, mi transdonis al ŝi ankaŭ la bombonujon. Ŝi estis videble ĝojigita kaj suprizita. Baldaŭ ni ĉiuj ricevis orbrodritan blankan

(1) Vidu *Esperanto* de 20 oktobro.

poŝtukon, propramane faritan de la fianĉino. Estas kurioza kutimo, ke okaze de la edziĝo la fianĉino devas doni al ĉiu gasto orbroditan poŝtukon, al la parencoj de l'fianĉo krom tio orbroditan ĉemizon. Jam tre junaj komencas la knabinoj la laboradon je tiuj donacoj, por ke ili poste havu sufiĉan provizon. Ankaŭ al la fianĉo ŝi donacas edziĝan ĉemizon, faritan el la sama ŝtofo, kiel la ŝia. Diference ol nia kutimo estas tio, ke la ĉemizo de l'viro atingas la maleolojn, dum tiu de l'virino apenaŭ kovras la femurojn. Sed tio okazas nur ĉe la edziĝa ĉemizo.

Je la sesa vespere ĉesis bruo kaj muziko en la korto kaj la seksoj disiris en diversajn lokojn por vespermanĝi. Oni alportis malaltajn rondajn tabletojn, al ĉiu gasto oni metis tukon sur la genuoj. La tuta societo ekster la fianĉino kaŭriĝis sur la planko ĉirkaŭ la tablo, kaj la festeno komencis. Telerojn ni ne ricevis, nur kuleron. La fianĉino mem prizorgis la servadon ne ĝuante mem la manĝajojn. Unue ŝi prezentis *galva*'n, dolĉaĵon el papavo, faruno kaj mielo, kiu eĉ al eŭropa palato estis bongusta. Sekvis la *pilav*'o, rizo kun ŝafaĵo kaj multe da bulbo kiu en ĉi tiu lando mankas en neniu manĝaĵo; poste diversaj *pitah*'oj, plenigitaj per viando, spinaco, legomoj, fromaĝo, juglandoj, k. c. Tiu manĝaĵo estas iom malpli bone digestebla por okcidentuloj, ĉar oni ne ŝparas buteron kaj ovojn. Sur stango rostita ŝafido estas la kontraŭspeco. Mi devas konfesi, la rostaĵo estis tre bongusta, sed la deŝirado de l'viando per la fingroj estis por mi iom nekutima kaj iom naŭza. Mi tre sentis la mankon de forko kaj tranĉilo. Fruktoj, bakaĵo kaj ceteraj frandaĵo kaj dolĉaĵo estis la fino. Por trinki oni prezentis rozakvon kaj nigran kafon. Post la finiĝo de l'festeno nur komencis la efektiva edziĝa ceremonio.

Intertempe malheliĝis kaj oni ekbruligis kelkajn kandelojn kaj la orientan lucernon. Post kiam la fianĉino per mallaŭta voĉo estis dankinta al la gastoj por ilia alveno, oni elportis la tablojn. En la mezon de l'ĉambro oni starigis seĝon, sur kiu la fianĉino sidiĝis. Kvar pli aĝaj virinoj el la parencaro (escepte la patrino kaj fratinoj de l'fianĉo) alpaŝis; du el ili prenis po unu mano, du po unu piedo de l'fianĉino, por kolorigi ungojn, manplatojn kaj plandojn per *alhenna* (1). Dume kantis la aliaj melankolian kanton, kies teksto estas adiaŭo de virgulino al la knabineco. Ĝis kiam la koloraĵo sekiĝas, devas la fianĉino kun klinita kapo aŭskulti la kanton, poste ŝi stariĝas, kisas manon kaj buŝon de l'kvar virinoj, parolante ordonitan formulon; poste ŝi adiaŭas ĉiujn ĉeestantajn virinojn en sama maniero.

La viroj de l'domo intertempe estis irintaj en la moskeon, kie la fianĉo post komuna preĝado sole restis kaj plenumis specialajn preĝojn, post kiuj la *hodja*, la turka pastro, lin benis.

Nun sekvis la lasta, la fina parto de l'edziĝoj ceremonioj, kiu nin eŭropanojn tuŝas en plej stranga maniero kaj min memorigis al la edzigaj kutimoj de l'antikvaj germanoj. La malgranda, hontema fianĉino rimarkigis sian ekscitecon malgraŭ tuta sia energio, malgraŭ la kosmetikoj ŝi estis pala. Alvenis ja la momento, kiam ŝi je l'unua fojo sole estos kun sia edzo kaj sinjoro! Ĉiujn belajn vestaĵojn kaj juvelojn oni demetis de ŝi kaj nur la silka edziĝa ĉemizo ŝin plu vestis; poste la kvar virinoj, kiuj laŭŝajne estis edziĝhelpantoj, ŝin akompanis al kuŝejo. La delikata, blanka korpo alfundiĝis en la bluaj silkaj kusenoj, la virinoj metis la blankan vualon sur ŝin — oni opiniis vidi feinan aperaĵon; tiun imagon multe plifortigis la magia, malforta, mirinde — sekretoplena lumigado de l'ĉambro, venanta nur el la trapikita bronza lampo malsuprenpendanta de l'plafono. Nur malofte brilis de la orbrodaĵo je la muroj, se ĝin trafis rekta radio el la trankvile balancanta lucerno, kvazaŭ subite ekaperis aro da lampiroj, por same rapide remalaperi. Estis kiel fabelo el « Mil kaj unu noktoj ».

Delikata, dolĉa rozodoro trafluis nun la spacon. Karakteriza sentaĵo, maltrankvila atendado ekkaptis ĉies koron, kvazaŭ antaŭsento de ofero; nur flustrante oni riskis paroli. Jen subite — ekfrapado je la pordo: la signo, ke proksimiĝas la fianĉo. Ankoraŭ unu fojon bopatrino kaj akompanantinoj de l'fianĉino alpaŝas al ŝi kaj parolante turkan bendeziron tuŝas frunton kaj bruston de l'fianĉino. Poste ĉiuj rapide kaj mallaŭte eliras; la gastoj adiaŭas kaj foriras, ĉar jam la fianĉo kaj liaj amikoj kaj parencoj eniris la domon. Ĝis la pordo de l'edziĝa ĉambro ili akompanas lin parolante bendezirojn; tiam la plej maljuna malfermetas la pordon, la fianĉo eniras rapide — la amantoj estas unuigitaj. Mallaŭte foriras la amikoj, lasante la domon tute al trankvilo, al feliĉo...

Miela monato ne ekzistas por la juna paro. Vere la juna edzino nun membriĝis ja al la familio, sed ŝi ne ankoraŭ estas plenrajta. Almenaŭ dum kvin tagoj estas al ŝi malpermesite eliri la ĉambron kaj antaŭ ĉiu ŝi devas rigardi teren. En la ĉambro estas ŝia loko en unu angulo, kun la vizaĝo kontraŭ la muro; dum ĉeesto de aliaj familianoj ŝi ne rajtas sidiĝi kaj ĉe manĝoj ŝi servas kiel servistino.

Nur kiam la unuaj signoj de komencanta gravediĝo rimarkiĝas, tiam ŝi fariĝas plenrajta membro de l'familio kaj povas egaliĝi kun la aliaj virinoj en la domo; sed ĉiam la patrino de l'edzo restas la estrino, kiun devas ĉiuj obei. Tiu kompatinda fianĉino, kiu ne ricevas infanojn, devas en humiliga pozicio atendi, ĝis la edzo aŭ havigas al ŝi egalrajton, aŭ ĝis li elparolas la eksedziĝon. La seninfana turkino estas tre kompatinda, ĉar senfrukteco estas tie honto kaj malbeno de Allah.

Espereble mia aminda fianĉino ne estas tiel malbenita, kaj post unu jaro estos uzata la lulilo, kiu jam apartenas al la plej necesaj objektoj de l'doto, kaj ŝi estos feliĉa edzino kaj patrino.

Luise Schwanda, trad. Karl Bartel (Graz).

(1) *Alhenna*, antaŭ *alcanna*, araba nomo por ruĝiganta radiko.

IDEOJ & FAKTOJ

## La Ritma Edukejo de Jaques-Dalcroze en Hellerau

Kiu vizitas la belan ĝardenurbon Hellerau apud Dresden, priparolitan de mi en antaŭa artikolo, kaj atingas la pli altan parton de la regiono, rimarkas tie en la akso de alkondukanta strato simplan, altan konstruaĵon kun frontono portata de kolonoj. La ĉefa halo estas ĉirkaŭita de malgrandaj loĝdometoj ordigitaj en formo de korto, ankaŭ tenataj en plej simplaj formoj. La tuta konstrugrupo faras impreson al la rigardanto, pri kies esenco oni unue ne povas eĉ memcertiĝi. Ĉio estas tiom senornama, neluksa, preskaŭ nuda, kaj tamen ĝi allogas al restado, ĝuado de l'tiea vivado. Kio do kaŭzas tiun impreson? Serioze pripensanta rigardanto, baldaŭ mem tion eltrovos — estas la ritmo, kiun uzis arĥitekto Tessenoo ĉe la konstruado de tiuj domoj, kaj kiu nun esprimiĝas potence en la tuto same kiel en la detaloj, ekstere same kiel interne en tiu ĉi hejmo de ritma edukado. Ĉar tio estas la celo de tiuj haloj kaj domoj: esti la loko, kie S-ro Dr. E. Jaques-Dalcroze el Genève povas apliki sian metodon de ritma edukado.

Majstro Jaques-Dalcroze efike laboradis kiel instruisto de kompozici-artoj ĉe la konservatorio en Genève. En dudekjara instrua laborado li ekkonis la ĉefan mankon de la muzikedukado en la nesufiĉa perfektigado de la muzikaj kapabloj, tial li kreis metodon por la evoluigado de tiuj ĉi unuaj muzikkapabloj, metodon de ritma gimnastiko kaj de praktika harmoni-instruo, improvizacio. En Genève li ne havis la eblecon apliki en plena amplekso sian metodon —

ĉi tie en Hellerau li trovis sian hejmon kaj post kelkjaraj migradoj de la majstro kun liaj lernantoj komenciĝis en 1911 la racia laboro de la edukejo en la senco dezirita de ĝia iniciatinto. Ĉar efektive — tio, kion celas Jaques-Dalcroze per sia metodo en plej profunda senco estas ne nur muzika edukado, sed eduko de karaktero sur la pedagogia vojo de plifortigo de korpo kaj spirito, de refreŝigo de la nerva sistemo kaj de evoluigo de la volo per ritma edukado de l'tuta homo. Kaj por atingi tiun altan celon al mi ŝajnas oni elektis en Hellerau la ĝustan lokon kaj celkonscie oni aranĝis la tutan instituton. La gelernantoj — plejofte en la aĝo de 15 ĝis 25 jaroj — kune loĝas en la pensionodomo aneksata al la edukejo en plej bonaj higienaj cirkonstancoj, ĉe plena kampara trankvileco kaj bela pejzaĝo. En la edukejo mem la instruo okazas en gaja, instiga maniero. Oni bezonas ĉeesti nur unu lecionon de ritma gimnastiko; oni vidos, kiel ĝojplene kaj tamen serioze laboras tiuj gejunuloj, ĉiuj same vestitaj per simplaj nigraj trikotoj, kiel ili en mirinda maniero ekzercadas laŭ ĉiu ritmo, donita de l'majstro sur la fortepiano, kiel ili mem komencas elpensi novajn ritmojn, mem taktbatas, kaj kiel harmonie funkcias en ili la korpaj kaj spiritaj fortoj. Malaperos ĉe la rigardanto certe ĉiu dubo pri la ebleco *instrui* la ritmon, kion oni ĝis nun ja nur konis ekzemple en la ritmaj laborkantoj de la remistoj kaj de la tapiŝteksistoj, en la sonado de la forĝistaj marteloj kaj en la ritmaj paŝoj de la falĉistoj sur la kampoj. Kaj ke por profiti tiun instruadon ne estas bezone, ke iu jam estu preskaŭ poeta muzikisto, sed ke la ritma eduko sambone aŭ eĉ pli efike rezultiĝas ĉe homoj muzike neinstruitaj, tion pruvas la geknaboj el Hellereau, popollernejanoj de 6 ĝis 14 jaroj, kiuj prezentiĝas kiel tute komprenintaj la ideojn de la majstro, plenumante ĉiujn taskojn plej akurate kaj propravole kunlaborante en sia reciproka perfektigado. La fakto, ke tiu la tutan homon trapenetranta edukado ne estas nura instruo, kiu kondukas al scio, sed estas perigo de interna kaj ekstera ekkono de ia granda tutaĵo, klarigas la daŭron de kurso tro longan ŝajne por multaj: almenaŭ unu jaron oni devas dediĉi al la akiro de diplomo kiel instruanto de la metodo Jaques-Dalcroze, dum en aliaj laŭvole pli mallongaj kursoj de *Hospitantoj* ĉiu povas partopreni, kiu apud siaj aliaj devoj volas per la dirita metodo evoluigi siajn muzikajn kapablojn kaj profiti ĝenerale el la vivo de la instituto kaj de la persona influo de ĝia fondinto.

Oni intencas aranĝi ĉiujare en somero lernejfestojn de la edukejo; kun brila sukceso la unua tia festo okazis dum 9 vesperoj en la tempo de la 28 junio ĝis 11 julio 1912. En la festhalo blanka rektangula salonego kun eble 700 amfiteatre aranĝitaj sidlokoj por rigardantoj, kun kaŝita orkestro kaj sen ia teatro-simila ornamo, kies lumo sole devenas el ĉiuj siaj tolaj muroj kaj de la samblanka plafono, estis prezentataj serioj de ritmaj gimnastikaj ekzercadoj kaj ritmaj grup-ekzercadoj, el kiuj oni bone povis ekkoni la sistemon uzitan ĉe la instruo. Poste oni montris en konvinka maniero, kiel estas aplikebla la metodo por kantdancoj de knabinoj, kiele montriĝas korpe montrita la *Invention* en g-moll de Joh. Seb. Bach aŭ kiel tri diversritme moviĝantaj vicoj da personoj ilustras la fugon en h-moll de F. Mendelsohn-Bartholdi. Mi estas tute certa, ke preskaŭ neniu el la rigardantoj ĝis tiam tiel bone komprenis la konstruon de fugo kiel ĉi tie, post kiam li vidis ĝin viva antaŭ siaj okuloj. Kaj ke la teatro multegon povas gajni, se ĝi uzas la metodon Jaques-Dalcroze, tion oni en belega maniero pruvis per prezentado de sceno el la dua akto de Orfeus de Gluck. Plej impresa estis la moviĝado de la ĥoroj de furioj kaj ombroj, kiuj baras la vojon al la subtera mondo por Orfeus, ĉiam denove fortimigante lin per sia terura *ne*, ĝis kiam ili, kvietiĝantaj per lia dolĉa kanto lin kondukos malsupren! Multege helpis al la efiko de tiuj prezentajoj la diversaj lumefektoj, kiuj, ĉar iliaj fontoj estis absolute nerimarkeblaj, ŝajnigis naturan lumecon, en kiu plej harmonie aspektis la ĉe kelkaj scenoj uzitaj klasikaj vestaĵoj en belaj, neakraj koloroj.

Iu simileco de la tuta vivado en la regno de Jaques-Dalcroze en Hellerau kun la *vivo en beleco* ĉe antikva Grekujo certe ekzistas — tion neniu observanto povas nei — kaj neniu, kiu alcelas la grekan vividealon, kiel ĝi staras antaŭ ni laŭ la priskriboj de tiamaj poetoj, povas malatenti la vojon, donitan al ĝi per la metodo de la genia majstro Jaques-Dalcroze. Jam nun la rondo de gelernantoj estas internacia — eble tiuj ĉi linioj helpos, ke la tuta mondo ekscios pri la *ritma edukejo* en Hellerau, ke multiĝu la anoj el ĉiuj nacioj, kiuj lernos ĉi tie por poste siaflanke instrui la lernitan metodon en la hejma lando. Se tio estus, Esperanto ree estus farinta gravan servon al la homaro, kiu en ĉiutaga realeco sopiras — ofte senkonscie — harmonion, certe akireblan per persona karakteredukado laŭ ritmaj principoj!

Johannes Karsch, *Del. Dresden.*

## Naskiĝoj kaj impostoj en Francujo

Dum longa tempo, Francujo estis la plej homhava lando rilate al sia amplekso. De la komenco de la XIX-a jarcento, la nombro de l'naskiĝoj malpligrandiĝas iom post iom kaj de tridek jaroj ĝi nur kontraŭbatalas la nombron de la mortintojn. Eĉ oni vidis en iuj jaroj, kaj nome en 1911, la mortintoj supernombri la novnaskitojn, dum ĉiu alia lando montris naskiĝojn forte superajn ol la mortado. Precipe, en Germanujo la loĝantaro pligrandiĝas po 300.000 animoj ĉiujare, kaj en Rusujo po 1 miliono.

Estas necese kontraŭbatali tiun kuradon al la morto de l'lando kaj oni povas demandi sin, ĉu la franca sistemo de impostoj ne fariĝas unu el la kaŭzoj de tiu malgaja konstato.

Tiucele, ni rigardu sur kiuj ĉefaj fundamentoj staras la franca impostaro, Depost la Revolucio de 1789 1) ĉiu regnano devas pagi la imposton, 2) ĝi estas proporcia laŭ la rento, tio estas laŭ ĉiuspecaj enspezoj, kalkulitaj arbitre per iuj *eksteraj signoj* de ĉiu elemento de riĉeco. Se ni studas en la ĉefaj impostoj la aplikadon de tiuj du ankoraŭ fundamentaj principoj, rilate ol la nombro da infanoj ni trovas du kategoriojn: la unua, tre malgranda, entenas la impostojn, kiuj ne grandiĝas senteble laŭ la pligrandiĝo de la membroj de l'familio; la dua enhavas la plej grandan parton de la francaj impostoj: tiujn, kiuj kreskas en la sama familio post ĉiu nova naskiĝo.

En la unua fako ni trovas la teran imposton (100 milionojn), kaj la diversajn taksojn similajn al la rektaj impostoj (50 milionoj), kiuj montriĝas pli malpli sendependaj de la familia kreskado; kontraŭe la aliaj impostoj forŝiras, oni povas diri, la fruktojn el la arbo de l'familio, tiom pli plene kaj rapide, kiom pli nombraj etendiĝas la novnaskitaj branĉoj, kvankam ili ne jam donas florojn.

La bienhava kulturisto bezonas brakojn por plugi, semi kaj rikolti, por paŝti, melki kaj buterfari. Ju pli da filoj kaj filinoj li havos des malpli da servistoj, li bezonas kaj ĉiuokaze ne pagos unu centimon plie por la tera imposto.

Nun ni denombru rapide la ĉefajn similajn al la rekta imposto taksojn: ĉu luksajn: ekz. taksojn pro bilardoj, pro veturiloj kun risortoj kaj iliaj ĉevaloj; ĉu salajrajn, ekz. taksojn pro kontrolo de l'peziloj kaj mezuriloj; ĉu anstataŭigajn ekz. taksojn por societoj pro nevendeblaj bienoj, pro minoj. Per tiu cito ni vidas ke tiuj specialaj impostaj elspezoj ne ligiĝas kun la nombro da infanoj, tial ke la produkto aŭ la servoj de la posedajoj utilas ĝenerale tiel bone por dek homoj kiel por du aŭ ki.

Tiuj suprenomitaj specoj de impostoj: tera imposto, similaj taksoj do ne alvokas, rilate al nia demando, neprajn ŝanĝojn.

Ne estas same kun la aliaj. En la rektaj impostoj — impostoj kiuj estas enspezataj laŭ la indikoj de registroj entenantaj la nomojn de ĉiuj impostuloj, — krom tiuj supre-cititaj, ni trovas :

*1)* La konstruajan imposton (80 milionojn) laŭ la luebla valoro de l'konstruajoj po 3.2 0/0 ;

*2)* La meblaran depagon (95 milionojn), kiu baziĝas sur la luebla valoro de l'loĝeblaj konstruaĵoj meblitaj ;

*3)* La komercan takson (130 milionojn), formitan de du partoj : a) fiksa depago ŝanĝebla laŭ la profesio, b) proporcia takso pli malpli granda laŭ la luebla valoro de la lokoj kiuj utilas por la komerco aŭ industrio kaj por la loĝado de l'impostulo.

Sekve la tri lastaj impostoj bazas ĉu tute, ĉu parte, sur la ŝajna luebla valoro de la domoj kiuj ŝirmas la familiojn. Nu, supozu, ke la nombro da infanoj pligrandiĝas : fariĝas necese loĝigi la familion en pli grandan domon ; tio plikostigas la prezon de la luo, kaj sekve la sumigon de tiuj tri impostoj.

Unu kvara rekta imposto estas tiu de l'pordoj kaj fenestroj de la domoj (160 milionojn). La higieno kulpigas ĝin de longe, kaj la Parlamento forigis ĝin sed nur formale kaj ne trovis ĝis nun la rimedon anstataŭigi ĝin per alia takso. Tiu imposto vice kreskas laŭ la kvanto da personoj en la familio, kiu bezonas pli malpli da ĉambroj laŭ ĝia grando. Sekve la Francoj naskas malmulte da infanoj aŭ pagas multe da rektaj impostoj.

La sama konkludo altrudiĝas pri la nerektaj impostoj, tiel nomitaj tial ke ili ne atingas rekte la impostulon, sed anonime la faron aŭ la aferon imposteblan, laŭ tarifoj fiksitaj de la leĝdonanta potenco.

Oni grupigas la nerektajn impostojn en kvar fakoj :

*1) Generalaj nerektaj impostoj* (1.500 milionojn). Ili trafas la fabrikadon, la transportadon aŭ la aliformigon de multaj materioj : trinkaĵoj, salo, sukero, ludkartoj, oleoj, publikaj veturiloj, tabako, pulvo, alumetoj, oraĵoj kaj arĝentaĵoj, ktp. Apud tiuj objektoj troviĝas necesaĵoj, kiujn granda familio konsumas en granda kvanto, precipe trinkaĵon, salon, sukeron kaj publikajn veturilojn aŭ vagonaron. Tiu plikosto de la ĉiutaga vivado estas ankoraŭ do pligrandigata.

*2) La doganaj taksoj* (600 milionojn) kiuj atingas preskaŭ ĉiujn objektojn aŭ materiojn enirantajn de fremdlando en Francujon por esti uzotaj de la loĝantaro ; kaj fine ;

*3) La urbimpostoj* (100 milionojn) trafantaj la eniron, trans la urblimoj, de manĝaĵoj, karboj kaj trinkaĵoj. Oni miras, ke la vivado ne estas pli kosta post tia denombro.

Sur alia flanko, ĉefa depago atingas la riĉaĵojn de la posedantoj ;

*4) La registriga imposto* (600 milionojn) kunigita de la *stampa imposto* (200 milionojn). Dufaka, la registriga imposto trafas : 1e la elfaron de aktoj, per taksoj ĉu fiksaj, ĉu proporciaj laŭ la okazoj ; 2e la transdonon de bienoj dank'al proporcia aŭ progresiva imposto. La stampa takso estas enspezata per la vendo de specialaj paperoj sur kiuj la publikaj kaj privataj aktoj leĝe devas esti skribataj. Ĝi entenas tri fakojn :

1o Prezo de l'stampo laŭ la amplekso de l'papero ;

2o Prezo laŭ la sumo enskribota sur la akto ;

3o Prezo fiksa por kvitancoj.

La registriga imposto ne rilatas rekte kun la ŝarĝoj de familio ; plicerte pezas forte la tarifoj de l'notarioj sur la multinfanaj familioj. Sed la ampleksa stampa takso pligravigas la elspezojn jam tre fortajn kiam la multnombro da interesuloj necesigas multe da aktoj.

El tiu rapida studado de l'francaj impostoj, oni vidas ke la leĝfaranto ne indulgis la multinfanajn familiojn ; tamen la lando bezonas ilian multigon. Krom aliaj decidoj oni povus helpi al tia celo, prenante, por fundamento de l'imposto, la *familion* anstataŭ la *individuo*, kaj sekve doni tiujn leĝojn :

1o Forigo de la luebla valoro por kalkulo de rektaj impostoj ;

2o Senimpostigo de l'objektoj necesaj al ĉiu ;

4o Senimpostigo de l'ampleksa stampa imposto.

La lueblan valoron anstataŭus procento sur la certa rento de l'impostulo ; la forigitaj impostoj pri necesaj objektoj trovus kompenson per novaj aŭ pli produktemaj taksoj rektaj aŭ nerektaj ; la ampleksan stampan imposton fine anstataŭus speciala takso proporcia laŭ la sumoj surskribotaj.

Tiam la gepatroj ne vidus kolere aŭ senkuraĝe la sumojn pagotajn al la ŝtato kreski post ĉiu novnaskita infano, espero de l'estonto kaj de l'patrujo.

Originale verkita de S-ro Karl,
kolektisto de impostoj en Démuin.

---

# NOTOJ

∴ *Rusa kooperativa movado.* — La Rusa kooperativa movado estas en senĉesa kresko. Aperas diversaj formoj de tiu ĉi plej grava nuna faktoro de la homara vivo, sed la unuan vicon prenas la pruntedonaj kaj prunteŝparaj asocioj. La 1-an de januaro 1909 oni kalkulis en tuta Rusujo 11.206 asociojn de malgranda kredito ; el tiuj 3 070 kreditasocioj, 1.616 prunteŝparaj, 1.338 kasoj en Polujo kaj 5.058 vilaĝaj societoj. La tuta kapitalo de tiuj kasoj estas pli ol 200 milionoj da Sm. Ankaŭ la konsumaj asocioj disvolviĝas iom post iom. Antaŭe konsumasocioj estis precipe aranĝitaj en urboj kaj antaŭurboj, sed de post 1.900 komenciĝas la vilaĝa kooperativismo. Dum jaroj 1907-1908, el 1.378 konsumasocioj, 85 0/0 koncernis la vilaĝojn. La terkulturaj mastrumaj asocioj disvolviĝas ankaŭ, sed precipe en Siberio ( pli ol 1.000) kaj Norda Rusujo. Ne nur kamparanoj kaj vilaĝanoj aranĝas diversajn kooperativasociojn, sed ankaŭ laboristaro, malgraŭ tio, ke tie pro ĉiuspecaj malhelpaĵoj politikaj kaj ekonomiaj la afero tre malrapide progresas kaj nur la konsumasocioj iomete sukcesas. En Peterburgo anstataŭ ruiniĝinta « Labora Unuiĝo » aperis 9 memstaraj asocioj, kiuj jam estas sur la bona vojo. Ankaŭ en provincoj multaj el la laboristaj kooperativoj faris videblajn progresojn.

Resume, en la nuna tempo ni havas en Rusujo ne malpli ol 12.000 diversajn kooperativajn asociojn. Se en kvanta rilato tiu sumo ne estas tro mizera, en rilato kvalita nia rusa kooperativismo estas ankoraŭ en stato de infaneco. — Pastro Seriŝev, Subdel, Krasnij-Jar (Siberio).

∴ *Agado de la germana imperia poŝto dum 1911.* — Laŭ oficialaj statistikoj la nombro de la letersendaĵoj dum 1911 atingis preskaŭ la nombron de *6.100.000.000.* Krom tio la germana imperia poŝto ekspedis dum la sama jaro ĉirkaŭ 2.100.000.000 gazetojn kaj presaĵojn kaj 274 milionojn da pakaĵoj.

Kaj monsendaĵoj, telegramojn oni forsendis 58 milionojn kaj peris 1.800.000.000 telefonajn interparoladojn. Kian prosperon la germana imperia poŝto atingis ĝis nun, montras plej bone la nombroj de la jaro 1896, do antaŭ 15 jaroj. Tiam oni ekspedis preskaŭ 2 1/2 miliardojn da leteroj kaj kartoj, 1 miliardon da gazetoj, 152 milionojn da pakaĵoj kaj monsendaĵoj, 35 milionojn da telegramoj. La nombro de la telefonaj interparoladoj atingis la nombron *560 milionoj*. De la pliiĝo estas 60 0/0.

H. Triche (Del. Frankfurt a/M.).

∴ *La Internacieco de la scienco.* — La estraro de la Dietzfondajo apartenanta al la Berlina Akademio de l'Sciencoj decidis la premion donatan en ĉi-tiu jara el la fondajo nome 900 Sm. (1.800 markoj) adjuĝi al S-ro Profesoro Nyrop ĉe la Universitato Kopenhagen, la verkinto de la distingita libro « La vivo de l'vortoj » pro lia : Grammaire historique de la Langue française. Tio signifas germanan premion al dana scienculo pro franca lingvo-instruilo. La scienco estas internacia. — *Berliner Tageblatt.*

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

La 8-an de novembro.

Ŝi riproĉis al mi miajn diboĉojn! ha kun tiom da amindeco! Miaj diboĉoj, ke kelkfoje mi lasas forlogi min de glaso da vino trinki botelon. Ne faru ĝin, ŝi diris, pensu al Ĥanjo! — Pensi, mi diris, ĉu vi bezonas tion ordoni? Mi pensas — mi ne pensas — vi estas ĉiam antaŭ mia animo. Hodiaŭ mi sidis je tiu loko, kie antaŭ nelonge vi eliris el la fiakro — ŝi parolis ion alian por ne internigi min en la teksto. Plej kara, mi estas perdita! Ŝi povas fari kun mi kion ŝi deziras.

La 15-an de novembro.

Mi dankas vin, Vilhelmo, pro via kora kompato, pro via bonintenca konsilo kaj petas vin esti trankvila. Lasu min elsuferi; mi havas malgraŭ tuta mia lacĝojeco ankoraŭ sufiĉe da forto elteni. Mi estimas la religion, vi scias ĝin, mi sentas, ke ĝi estas al pli ol unu laciĝinto, bastono, al pli ol unu konsumiĝanto refreŝigo. Nur — ĉu ĝi do povas, ĉu ĝi do devas esti tio al ĉiu? Se vi rigardas la grandan mondon, vi vidas milojn, al kiuj ĝi ne estos tio, predikita aŭ nepredikita, kaj ĉu ĝi devas esti tio al mi? Ĉu ne la filo de Dio mem diras, ke tiuj estos ĉirkaŭ li, kiujn donis al li la patro? Sed se mi ne estas donita al li? Se la patro deziras reteni min por si, kiel diras al mi mia koro? Mi petas, ke vi ne malĝuste interpretu ĝin, ne vidu mokon je tiuj ĉi malkulpaj paroloj, estas mia tuta animo, kiun mi prezentas al vi, alie mi dezirus, ke mi estu silentinta — kiel mi ne amas paroli pri ĉio, pri kio ĉiu scias same malmulte kiel mi, kio ĝi estas alia ol homa sorto, elsuferi sian mezuron, eltrinki sian kalikon? — Kaj se la kaliko fariĝis tro maldolĉa al Dio de ĉielo por lia homa lipo kial mi fanfaronus kaj ŝajnigus, ke ĝi havas dolĉan guston? Kaj kial mi devus honti en la terura momento, kiam mia tuta naturo tremas inter estado kaj neestado, kiam la estinto lumas kiel fulmo super la malhela abismo de l'estonto kaj ĉio ĉirkaŭ mi alfundiĝas kaj kun mi la mondo pereas — ĉu tiam ne estas la voĉo de la kreaĵo, premita tute en sin mem, mankanta sin mem kaj senhalte falanta suben, grinci en la internaj profundoj de la vane laborantoj fortoj: Dio mia! Dio mia! Kial vi forlasis min? Kaj ĉu mi devus honti pri la esprimo, ĉu mi devus timi la momenton, kvankam tiu ne evitis ĝin, kiu kunvolvas la ĉielojn kiel tukon?

La 21-an de novembro.

Ŝi ne vidas, ŝi ne sentas, ke ŝi preparas venenon, kiu pereigos min kaj ŝin; kaj mi kun plena ĝuego eltrinkas la pokalon, kiun ŝi prezentas al mi je mia pereo. Kion utilas la favora rigardo, per kiu ŝi ofte, — ofte? — ne, ne ofte, sed tamen kelkfoje rigardas min, la komplezemo, per kiu ŝi akceptas senvolan esprimon de mia sento, la kompato pri mia sufero, kiu sin desegnas sur mia frunto?

Hieraŭ kiam mi foriris, ŝi donis al mi la manon kaj diris: adiaŭ, kara Werther! — Kara Werther! estis la unua fojo, ke ŝi nomis min kara kaj ĝi penetris ĝis la medolo de la ostoj. Centfoje mi ripetis ĝin kaj hieraŭ nokte enlitiĝante kaj babilante kun mi, mi diris subite: Bonan nokton, kara Werther! kaj poste devis ridi pri mi mem.

La 22-an de novembro.

Mi ne povas preĝi: lasu ŝin al mi! kaj tamen ofte ŝi ŝajnas esti mia. Mi ne povas preĝi: donu ŝin al mi! Ĉar ŝi apartenas al alia. Mi ŝercas per miaj doloroj; se mi cedus al mi, estus tuta aro da antitezoj.

La 24-an de novembro.

Ŝi sentas, kion mi suferas. Hodiaŭ ŝia rigardo penetris profunde en mian koron. Mi trovis ŝin solan; mi diris nenion, kaj ŝi rigardis min. Kaj mi ne plu vidis je ŝi la amindan belecon, ne plu la lumadon de bonega intelekto, ĉi ĉio estis malaperinta antaŭ miaj okuloj. Multe pli belega aspekto tuŝis min, plena je esprimo de plej kora kompato, de la plej dolĉa kunsento. Kial mi ne povis ĵeti min je ŝiaj piedoj? Kial mi ne povis respondi je ŝia kolo per mil kisoj? Ŝi rifuĝis al la fortepiano kaj spiris per dolĉa mallaŭta voĉo harmoniajn sonojn kun sia ludo. Neniam mi vidis ŝiajn lipojn tiel ĉarmaj; estis, kvazaŭ ili malfermis sin avidante por ensorbi tiujn dolĉajn sonojn, kiuj fluetis el la instrumento kaj sole la sekreta resono revenis el la pura buŝo. — Ja, se mi povus eldiri tion al vi! — Mi ne malcedis pli longe, kliniĝis ĵurante: Neniam mi volas kuraĝiĝi premi kison sur vin, lipoj! sur kiuj estas la spiritoj de la ĉielo. — Kaj tamen — mi volas. — Ha! vidu, tio staras kiel barilo antaŭ mia animo — tiu ĉi feliĉeco — kaj tiam perei pentofarante pro tiu ĉi peko — peko?

La 26-an de novembro.

Kelkfoje mi diras al mi: Via sorto estas unika, estimu feliĉaj la aliajn — tiom neniu ankoraŭ estas turmentita. Tiam mi legas poeton de la pratempo kaj ŝajnas al mi, ke mi vidas en mian propran koron. Mi havas tiom por elporti! Ha, ĉu do homoj antaŭ mi jam estis tiel mizeraj?

La 30-an de novembro.

Mi ne devas, ne devas reakiri mian konscion! Kien ajn mi iras, renkontas min fantomo, kiu konsternas min. Hodiaŭ! ho sorto? ho homaro!

Mi iris laŭlonge la akvon en la tagmeza horo, mi ne emis manĝi. Ĉio estis dezerta, malseke-malvarma vento blovis de la monto kaj la grizaj pluvnuboj enpasis la valon. De malproksime mi vidis homon en verda, malbona vesto, kiu grimpis inter la rokoj kaj ŝajnis serĉi herbojn. Kiam mi venis pli proksimem kaj li sin turnis pro la bruo, kiun mi faris, mi vidis interesan fizionomion, en kiu silenta malĝojo faris la ĉefan trajton, kiu tamen alie aperigis nenion escepte rektan bonan animon, liaj nigraj haroj estis metitaj je volvaĵoj per pingloj kaj la ceteraj plektitaj je dika ligo, kiu pendis suben de lia dorso. Ĉar lia vestaĵo ŝajnis signi homon de malalta rango, mi kredis, ke li ne ofendiĝus, se mi estus atenta pri lia okupo kaj do mi demandis lin, kion li serĉas? Mi serĉas, li respondis kun profunda ĝemo, florojn — kaj trovas neniujn. Tiu ĉi ankaŭ ne estas la sezono, mi diris ridetante. — Ekzistas tiom da floroj, li diris venante malsupren al mi. En mia ĝardeno estas rozoj kaj loniceroj, du specoj, unun donis al mi mia patro, ili kreskas kiel herbo, mi jam serĉas ilin du tagojn kaj ne povas ilin trovi. Ĉi tie ekstere ĉiam estas floroj, flavaj kaj bluaj kaj ruĝaj kaj la amaranto havas belan floron. Neniun mi povas trovi. — Mi rimarkis ion sekretan kaj tial mi demandis malrekte: Kion li do intencas per la floroj? Mire tremanta rideto ŝanĝis lian vizaĝon. — Se li ne volas min perfidi, li diris premante la fingron sur la buŝon, mi promesis bukedon al mia amatino. Tio estas brava, mi diris. Ho, li diris, ŝi havas multajn aliajn ajojn, ŝi estas riĉa. — Kaj tamen ŝi amas lian bukedon, mi respondis. Ho, li daŭrigis, ŝi havas juvelojn kaj kronon. Se la ĝeneralaj ŝtatoj volus min pagi, li diris, mi estus alia homo! Ja, estis foje tempo, kiam mi fartis tre bone! Nun mi estas — malseka rigardo al la ĉielo esprimis ĉion.

*(Daŭrigota)*

# ESPERANTISMO

## EĤOJ DE LA OKA

**La Slava-Esperantista Kunveno.** — Unu el la fakaj kunsidoj, pri kiu oni ĝis nun nenion renkontis en la esperanta gazetaro, estas tiu de la slavaj esperantistoj.

Ĝi okazis la 4/17 de Aŭgusto en unu el la ĉambroj de la Komerca Akademio, kie estis kunvenintaj proksimume 50 geslavoj-esperantistoj por interŝanĝi ideojn pri la estonta interslava lingvo.

La kunsido estis malfermata de S-ro Inĝ. Andonoviĉ el Belgrado, kiu, dankinte al la kunvenintoj, parolas pri la altrudo de multaj germanaj vortradikoj en niajn slavajn lingvojn.

Sekvas la elekto de kongresa komitato. Oni unuanime elektis kiel prezidanton S-ron Kolomyjski (Polo) kaj kiel sekretarion S-ron Krestanof (Bulgaro). Ambaŭ dankas pro la honoro, kaj la sekretario legas la salutleteron de la slava bonfaranta societo « Slavia » en Wien kaj la projektorespondon al ĝi, kiujn oni aplaŭdas. S-ro Andonoviĉ parolis pri la bezono de slava lingvo, necesa ne nur kiel interkomprenilo, sed por la plialtigo de nia kulturo.

S-ro Krestanof parolis pri la neceseco de interslava komprenilo kaj pri la neebleco akcepti la rusan lingvon kiel « komunslavan » (kiel estis proponite en slavaj kongresoj) unue pro politikaj kaŭzoj, kaj due pro tio, ke ne ĉiuj slavaj popoloj uzas la kirilan alfabeton (ekz. la kroatoj, bohemoj, poloj uzas la latinan). Li trovas, ke Esperanto estas la plej taŭga por la proksimiĝo kaj interkompreniĝo de la multnombraj slavaj nacioj.

S-ro prof. Bujvid, de la Krakova universitato, diras interalie, ke, ĉar ĉiuj slavaj lingvoj estas tre diferencaj, oni akceptu Esperanton.

S-ro L. Pacov el Lvovo opinias, ke plej bone estus, se oni proponus, ke ĉiu nacio laboru pri sia lingvo kaj ĉe tio uzu ankaŭ Esperanton.

S-ro D-ro Mikolajski demandas pri la vojo enkonduki Esperanton kaj proponas, ke oni elektu komisiono konsistantan el po 2 personoj de ĉiuj slavaj nacioj. Li parolas ankaŭ pri komuna revuo interslava, ĉar la nun ekzistanta ne estas por ĉiuj atingebla.

Parolas ankaŭ S-roj Bujvid, Hollegha, Giercuszkiewicz, k. a., post kio unuanime kaj aplaŭde ĉiuj aprobis Esperanton kiel plej bonan interslavan komprenilon. Same estas aprobitaj ankaŭ la aliaj proponoj kaj post kelkminuta interrompo dum kiu oni pogrupe interkonsiliĝis pri la personoj elektotaj, unuanime estis akceptataj por la « interslava esperanta komitato » la sekvantaj proponitaj personoj — reprezentantoj de slavaj popoloj :

*Bohemujo :* D-ro V. Rosicky, lerneja konsilanto, *Praha II* Taborska 43, kaj S-ro Stan Otruba, lernejestro, *Tesetice*, apud Olomouc (Moravio).

*Bulgarujo :* S-ro Ivan H. Krestanof, studento de filologio en *Sofia*, kaj S-ro Mirski, advokato en *Varna*.

*Polujo :* Prof. D-ro Odo Bujvid. *Krakov* kaj Inĝ. Antoni Grabowski, *Varsovio*.

*Rusujo :* S-ro Saĥarov, Tverskaja, 26, *Moskvo* kaj D-ro Kabanov, *Moskvo*.

*Ukrainujo :* S-ro Anatol Koĥ, stud. de Politekniko en *Varsovio* kaj S-ro Les Denysink, poŝtoficisto, en *Noveseto*, kolo Pidvološek.

*Serbujo :* Inĝ. Dragomir M. Andonoviĉ, universitata docento, *Belgrado* kaj S-ro Pavle Stanišiĉ, advokato, Vinkovci (Kroatujo).

Post tio S-ro D-ro Mikolajski konsente kun la elektitaj delegitoj proponas — kaj ĉiuj akceptas — kiel konstantan prezidanton S-ro prof. Bujvid, kiu mem elektis konstantan sekretarion, ktp., en Krakovo.

Al ĉiuj laborantoj sur tiu ĉi kampo por la prosperigo de nia kara Esperanto ni deziras la plej bonajn sukcesojn.

I. K.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Posen* (Germ.) fondiĝis « Pola Esperanto Societo » kun 25 membroj. P. : D-ro St. Krzyzankiewicz, s. : J. Pelaov, k. : A. Brzezinski. La jam ekzistanta germana grupo « Verda Stelo » plue agos inter germanoj.

En *Lozovaja* (Rus.), fondiĝis Esp.-Societo kun 35 anoj. P. : J.-A. Arakelov, Del. de U. E. A.

En *Bozen-Gries* (Tirolo), la geesperantistoj kunvenas ĉiujaude en la U. E. A.-hotelo : Walter von der Vogelweide. Baldaŭ fondiĝos grupo.

En *Elbing* (Germ.), fondiĝis nova grupo kun 32 anoj. P. : S-ro H. Greff, S. : S-ro Glovitz, K. : S-ro Kubicki.

En *Ĝenevo* (Svis), laŭ iniciato de S-ino Biske, fondiĝis nova Esperanto-Klubo.

**Novaj Kursoj.** — En *Krakow* (Gal.) S-ro A. Czubrynski gvidas kurson malsuperan en la « Societo de Junaj Laboristinoj » kaj superan en la sama societo. Baldaŭ komenciĝos kurso en Popola Universitato, gvidota de lia edzino. La kursojn en « Societo Esperanto » gvidas S-ro L. Kronenberg.

En *Innsbruck* (Aŭstrio), nova kurso kun 20 anoj, gvidata de S-ro Lea Blaas.

En *Letchworth* (Angl.), komenciĝis tri kursoj; instruas S-ino M. Bartholomew.

En *Suresnes* (Paris), S-ro L. Chilard, Del. en Versailles, organizos kurson sub la aŭspicioj de la asocio « entente cordiale », kiu promesas vojaĝstipendion al la plej diligenta lernanto.

En *Posen* (Germ.), baldaŭ komenciĝos nova kurso, gvidota de Del. S-ro Brzczinski ; enskribiĝis jam 15 anoj.

En *Bizerte* (Alĝerio), novan kurson gvidas Del. S-ro L. Mondésir.

En *Bordeaux* (Franc.), la loka grupo organizis por la venonta vintro ok kursojn kaj presigis la programon sur grandan afiŝon.

En *Trieste* (Adriatiko), kurso kun 30 anoj ; instruanto estas S-ro A. Deganello.

En *Plzen* (Bohem.), komenciĝis tri kursoj kun 100 lernantoj ; instruas S-ro B. Tittl.

En *Trieste* jus komenciĝis du kursoj, la unua kun 110 personoj estas gvidata de S-ro D-ro Ghez, la dua kun 40 personoj de S-ro F. Chierego. Ambaŭ kursoj okazas en urbaj lernejoj.

En *London* kurso de tri prelegoj pri Geologio okazas en la ĉefsidejo de Brita Esperanto-Asocio, farata de S-ro D-ro W. Marchand. Ĉeestis la unuajn du prelegojn entute 15 personoj el ses nacioj. Lasta prelego : 31 okt.

En *Dresden*, la Societo Esperanto organizis kurson gvidatan de Del., S-ro J. Karsch. Estas 20 lernantoj. Dua kurso baldaŭ komenciĝos.

En *Lodz* (Rus.), du kursoj, anoncitaj en la gazetoj kaj per grandaj afiŝoj, baldaŭ komenciĝos.

En *Ĝenevo* (Svis.), sekve de fervora propagando de S-ino Biske, 300 personoj sin enskribis por la Esperantaj kursoj.

En *Parizo* estas malfermiaj 72 kursoj, kiuj estis anoncitaj per grandaj afiŝoj atentigantaj pri la deka kongreso okazonta en Parizo.

∴ Nia samideano S-ro Edmond Privat, estas invitita por instruadi pri francaj lingvo kaj literaturo dum tiu ĉi

vintro ĉe la konata gejunula kolegio Bedales (Anglujo) fondita de moderna pedagogo J.-H. Badley por realigi socian kunedukadon. La unuan semajnon S-ro Privat, faris tie paroladon pri Esperanto, kaj poste la gejunuloj unuanime prezentis peton al la direktoro por ke oni instruu la lingvon en la kolegio. La estro decidis, ke Esperanto estu enkondukata en la programon, kaj nun S-ro Privat kaj lia edzino faras ĉiusemajne 14 Esperanto-kursojn por la gejunuloj kaj du por la geprofesoroj de « Bedales ».

**Paroladoj.** — En *Krakovo* (Gal.), en « Societo Esperanto » paroladoj de S-ro Ant. Czubrynski pri : *Nia kuranta taktiko kaj Esperantismo kaj egalrajteco de naciaj kulturoj.* En popola Universitato okazos en nov. propaganda parolado : *Metodoj de Esperanta propagando.*

S-ro G. Chalot, prez. de la Esp. Grupo en *Toulouse*, faris dum oktobro serion da paroladoj pri Esperanto kaj la urbo Toulouse, kie okazos la kvara kongreso de la Federacio de Sud-okcidenta Francujo. Li parolis en *Villeneuve-sur-Lot*, en *Bordeaux*, en *Luçon*, en *Rochefort* kaj en *La Rochelle*. La paroladoj estis ilustrataj per lumbildoj.

En *Cormons* (Adriatiko), D-ro Ghez faris paroladon pri Esperanto en la urba teatro antaŭ 300 personoj.

En *Capodistria* (Adriatiko), la sama parolis pri la VIII internacia Kongreso en la sidejo de la Esp. Unuiĝo antaŭ 50 personoj. Grandaj afiŝoj anoncis la paroladon.

En *Trieste*, D-ro Ghez faris propagandan paroladon. S-ro M. Romano parolis antaŭ 100 personoj pri sia piedvojaĝo tra Eŭropo.

En *Lodz* (Rus.), parolado de D-ro A. Goldenberg pri la VIII-a kongreso.

En *Elbing* (Germ.), S-ro H. Greff, Del., parolis pri Esperanto en la societoj de la poŝtoficistoj kaj de la instruistoj.

En *Ĝenevo* (Svis.), parolado de S-ino Biske, de S-roj H. Hodler kaj A. Valabrègue, antaŭ 300 personoj.

**Kunvenoj kaj festoj.** — La Esperantia regiona kunveno de *Dresden* okazos la 16. nov. en 12. en Stadtcafé (Postplatz).

La 6. okt. kunvenis en *Esslingen* (Germ.), la vurtembergaj esperantistoj por fondi la vurtembergan ligon. Multaj el la najbaraj landoj vizite ĉeestis la kunvenon aŭ sendis gratulajn leterojn. En la festhalo de la supera reallernejo troviĝis la ekspozicio de la Vurtemberga Esperanto-Instituto, kiu estis rigardata kun granda intereso, precipe la kolekto de la eldonejo Franckh, Stuttgart. Je la 11-a S-ro Prof. Christaller malfermis la festkunvenon. Ĉefurbestro S-ro D-ro von Mülberger, diris, ke li multe interesiĝas por nia lingvo kaj rekomendas ĝian enkondukon en la lernejojn (Granda aplaŭdo). Poste la urba konsilantaro S-ro Stübler el Stuttgart salutis la kunvenintojn en la nomo de la unuiĝo por fremdulaj komunikoj ; S-ro Gerisch el Auerbach i/V. en la nomo de la saksa Esperanto-Instituto kaj de la vogtlandaj samideanoj ; S-ro D-ro Uhlmann, de la svisa ligo, kaj S-ro Baumann, de la nova elsasa ligo. Du s-roj de la Parkurbo Esperanto parolis pri siaj entreprenoj kaj alportis belajn desegnaĵojn. La ĉefparoladon faris S-ro Prof. D-ro Ledermann, el Augsburg pri la hodiaŭa stato de Esperanto kaj ĝia graveco por industrio, komerco kaj la diversaj rilatoj inter la popoloj. Post la komuna festeno en la ĉambrego de la Museum, la partoprenintoj faris rondveturadon tra la urbo. Je la 3 1/2-a posttagmeze komenciĝis la debatoj, el kiuj rezultis la fondiĝo de la Vurtemberga Esperanto-Ligo, kies honora prezidanto estas S-ro Prof. Christaller kaj 1-a prezidanto S-ro R.-H. Hengstenberg, Esslingen. Kiel fino F-ino Staebler, el Stuttgart ĝojigis la ĉeestantojn por kelkaj belaj kantoj. — H.

*Paris.* — La grupo Fundamentista la « Dek Sepa » (grupo Esp. de la 17-a kvartalaro de Paris), jus fondita estas jam akceptita de du grupoj : la 22-an de Septembro en Joinville-le-Pont (apud Paris), kun akcepto en la urbdomo, la 6-an de oktobro, en Amiens. Oni propagandis por Esperanto kaj en Amiens konsilis al ĉiuj esperantistoj iĝi esperantianoj kaj al la grupoj iĝi esp. entreprenoj. — R. B.

*Lyon.* — La Esperantista Hejmo (Esperantia Entrepreno), 78, rue de l'Hôtel-de-Ville (urbcentro), estas ĉiutage malfermita de la 5-a ĝis la 6-a horo posttagmeze. Ĉiuj trapasantaj Esperantianoj estas kore akceptataj ; tie ili senpage povas ricevi informojn pri vojaĝoj kaj turismo en Franclando kaj en la ĉefaj ceteraj landoj. Francoj dezirantaj vojaĝi eksterlandon povas skribe peti ĉiujn necesajn sciigojn, kontraŭ respondkupono. Sabaton vespere je la 8-a h. 1/2, amika libera kunveno. Merkredon vespere je la 8-a h. 1/2, kunveno de la Esperantista Grupo, jam dekjara, sub prezido de S-ro D-ro Dor. — L. P.

## DIVERSAĴOJ

∴ *La laboristoj kaj Esperanto.* — Ĉe la lasta kongreso de la franca Konfederacio de la Laboro en Havre (C. G. T.), estas akceptita la jena deziresprimo :

La federacia kongreso de Havre,

Konsideras, ke pli ol iam la ĉiulandaj proletarioj devas klopodi por internacie unuiĝi kaj alproksimiĝi : pro la malfacilajoj rezultantaj el la diverslingveco la kongreso sin deklaras por la internacia helplingvo Esperanto, kaj konfesas, ke ĝi estas unu el la ĉefaj rimedoj povantaj efike helpi la internacian unuigon de la proletariaro. Ĝi tial instigas la laboristojn kaj ĉefe la militantajn sindikatistojn propagandi tiun necesegan idiomon, kiu faras utilajn servojn kaj pli rapide helpos al la malapero de la nin apartigantaj landolimoj. — L. M.

∴ *Internacia Scienca Asocio.* — Dum la Krakova Kongreso, la Scienca Asocio reelektis sian estraron, en kiun eniris du famaj scienculoj. S-ro Wilhelm Fœrster, honora profesoro ĉe la Universitato kaj direktoro de la Berlina observatorio, akceptis la prezidantecon por 1912. La fama bakteriologo Bujvid, profesoro ĉe la Krakova Universitato, kiu fariĝas unu el la vicprezidantoj kun Prof. Colton kaj Prof. Villareal, dekano de la Scienca Fakultato en Lima. — P. E.

∴ *Literaturaj konkursoj.* — Jen la listo de la premioj disdonitaj por la Literaturaj Konkursoj aranĝitaj okaze de la Oka Kongreso :

Prozo :

*1-a Premio :* F-ino Adela Ŝefer (London) ; *2-a Premio :* S-ro Kurt Sommer (Chemnitz) ; *Honoraj Mencioj ;* S-ro Fernand Blangarin (Paris) ; S-ro E. Joseph (St-Maur).

Plie la juĝantaro deklaris, ke du manuskriptoj, kies aŭtoroj estas S-ro Rudolf Rajczi (Debreczen) kaj S-ro J. Schmid (Bern), estus premiindaj, se ili respondus al la kondiĉoj de la konkurso.

Poezio :

*1-a Premio :* Ne aljuĝita ; *2-a Premio :* S-ro V. N. Devjatnin (Paris) ; *Honoraj Mencioj :* S-ro Cz. Kozlowski (Kiew) ; F-ino Celia Doerner (Grants Pass) ; F-ino Maria Posenaer (Antwerpen) ; S-ro J. W. Sevenhuijsen (Harlem).

Scienco :

*1-a Premio :* S-ro Hugo Dreusicke (Kassel) ; *2-a Premio :* Profesoro Maurice Fréchet (Poitiers) ; *Honoraj Mencioj :* S-ro Rudolfo Rajczi (Debreczen) ; S-ro Kurt Sommer (Chemnitz) ; S-ro James Robbie (Edinburg).

∴ *Konkurso.* — La Brita Esperantista Asocio proponas Premion de almenaŭ 12 Sm. 50 (la sumo dependas, ĉu la konkursa Kaso ricevos ankoraŭ donacojn) por la plej bona originala verko scienca, etika aŭ fikcia.

La verko devas estis en Esperanto, enhavi ne pli ol 5.000 vortojn, kaj alveni ĉe la oficejo (133-136 High Holbow. Londono) ne post la 31-a de Decembro 1912.

Se eble, la kandidatoj uzu skribmaŝinon, kaj skribu sur unu sola flanko de l'papero. — B. E. A.

*Gvidado tra krakovo.* — Dum la kongreso, vizitado de ĉiuj muzeoj estis senpaga por la alvenintaj esperantistoj. Preskaŭ

ĉiu-tage okazis gvidado tra la urbo kaj klarigado pri ĝiaj vidindaĵoj daŭranta antaŭtagmeze 2-3 horojn, posttagmeze 2 horojn. Gvidis Antoni Czubrynski. Partoprenis en tiuj ekskursoj kune ĉirkaŭ 500 personoj. — A. C.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *La Revuo* (oktobro) enhavas detalan rakonton de S-ro Aizière pri la alkongresa karavano de U. E. A.; li montras la multnombrajn profitojn, kiujn ricevis la karavanuloj dank'al la helpo de la Delegitoj de U. E. A.

.˙. *La Langue Internationale* (septembro-oktobro) publikigis franclingve la prikongresajn komentariojn aperintajn en *Esperanto* (N-o 129, Liberaj Vortoj). La sama gazeto aperigas nun aldonon por junuloj, sub la titolo « Le Petit Espérantiste ».

.˙. *Espero Katolika* (oktobro) enhavas resuman raporton pri la tria Katolika Kongreso, kiu okazis en Budapest kun bona sukceso. La proksima Kongreso okazos en Romo mem.

.˙. *Kuracisto*, internacia medicina monata revuo, estas la nomo de la nova oficiala organo de TEKA. La unua N-o estas grandparte dediĉata al raporto pri la kunvenoj de TEKA en Krakovo. Redakcio : D-ro L. Chybczynski, Szopena, 1, Varsovio. Abono : 3 Sm jare).

.˙. En Posen la gazetoj aperigas longajn artikolojn verkitajn de S-ro Brzoza. La semajna revuo *Prace* alportis ilustrajojn de la kongreso.

.˙. En *Krytyka*, *Pochodnia* kaj *Odrodzenie* (Krakovo) aperis propagandaj artikoloj de S-roj Czubrynski kaj Kronenberg.

.˙. *Il Piccolo*, *L'Indipendente*, *Corriere Adriatico* (Trieste) enhavas notojn pri malfermo de kursoj.

.˙. *Triester Zeitung*, *Corriere Adriatico*, kaj *Indipendante* raportas pri la parolado de S-ro Romano.

.˙. *Nachodske Noviny* (Praha) alportis 6 sept. artikolon pri Esperanto de F-ino J. Supichoval. Regula aperado de esperanta kroniko promesita.

.˙. *La Petite Gironde* (Bordeaux) la 15 okt., enhavas laŭdan raporton pri la parolado de S-ro D-ro Chalot.

.˙. *Le Patriote de Bruxelles* la 3 sept., aperigas artikolon pri la pacifismo en la 3-a kongreso de la katolikaj esperantistoj en Budapest.

.˙. *Jornal de Commercio* (Rio de Janeiro). La n-o de 20 sept., alportas longan artikolon pri Esperanto.

.˙. *Gazeta Lodska* (Lodz) tre fervore raportas pri nia afero.

.˙. Favoraj artikoloj kaj notoj aperis en la jenaj gazetoj : *Schwabischer Merkur* (Stuttgart) 8 okt.; *Welte Warte* (Wiesbaden) n-o 12; *Grazer Tageblatt*, 9 okt.; *Neues Tageblatt* (Stuttgart) ; *Münster Anzeiger* 8 okt. ; *Schlesische Volkszeitung* (Breslau) ; *Recklinghauser Zeitung* 16 okt. ; *Bremer Nachrichten* 14 okt. ; *Mülheimer Zeitung* 15 okt. ; *Nachrichten f. Stadt u. Land* (Oldenburg) 14 okt. ; *Stadt-Anzeiger* (Kœln) ; *Münchener Neueste Nachrichten* ; *Kœnigsberger Allgemeine Zeitung* 16 okt. ; *Gestarsche Zeitung* 11 okt. ; *Die Zeit* (Wien) *11 okt.* ; *Kosmos* (Leipzig) n'o 17 ; *Bohemia* (Prag) 24 sept.; *Krefelder Zeitung und Anzeiger*, 16 sept. ; *Dresdner Anzeiger* 17 sept. ; *Markische Volkszeitung* (Berlin) 24 sept ; *Hamburger Fremdenblatt* 29 sept. ; *Agramer Tageblatt* 25 sept. ; *Münster Anzeiger* 21 sept. ; *Neue Lodzer Zeitung* 1 okt. ; *Bergisch Markische Zeitung* (Elberfeld) 1 okt ; *Breslauer Zeitung* 4 okt. ; *Bercklinghauser Zeitung* 5 okt.; *Dresdner Anzeiger* 5 okt. ; *Ulmer Tageblatt* 3 okt. ; *Dresdner Nachrichten*, 4 okt. ; *Wernigeroder Zeitung*, 9 okt. ; *Schlesisches Tageblatt* (Schweidnitz).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**GRAVA AVIZO. — Ni informas niajn Delegitojn kaj nian membraron, ke sekve de la ĝenerala voĉdonado, la membra kotizaĵo estas de nun fiksita je 1 spesmilo. Ĉar la administra jaro de U. E. A., komenciĝas la 1-an de novembro, tiu kotizaĵo estas de nun repagebla. Oni estas petata pagi la kotizaĵon al la regiona Delegito, aŭ, se ne estas, al la Centra Oficejo de U. E. A.**

**La Esperantiaj Entreprenoj pagas kotizaĵon da 5 Sm. Pagante ĝin antaŭ la 1 Decembro ili estos ankoraŭ anoncataj sur la Jarlibro de 1913.**

**La Esperantiaj Entreprenoj, kiuj havas karakteron de Esperanta organizaĵo (Esperantistaj propagandaj aŭ fakaj societoj) pagas kotizaĵon da 3 Sm. Ili estas anoncataj sur la Jarlibro kaj senpage ricevas nian gazeton.**

**Filio de U. E. A., en Nord-Ameriko.** — Ni havas plezuron informi niajn Delegitojn kaj membrojn loĝantajn en Nord-Ameriko (Usono, Kanado, Meksikujo, Cuba) ke sekve de interkonsento kun la Esperanto-Office de E. A. de N. A., *filio de la Centra Oficejo de U. E. A.*, estas starigita en *Washington*. ĉe la tiea Esperanto-Oficejo. Niaj Nord-Amerikaj Delegitoj kaj membroj pri ĉiuj administraj Esperantiaj aferoj bonvolu do sin turni al : *Esperanto-Office (Nord-Amerika-Oficejo de U. E. A., Washington, D. C. (Usono).*

Ni esperas, ke dank'al tiu aranĝo, kiun ebligis la helpemo de E. A. de N. A. kaj de ĝia ĝen. sekretario, S-ro E. Reed, la laboro de niaj Nord-Amerikaj Delegitoj estos senteble plifaciligata kaj nia Asocio pli rapide povos disvastiĝi en tiu grava mondoparto.

**Oficiala Jarlibro 1913.** — Tiu Jarlibro estas nun en preparado. Krom la ordinaraj oficialaj informoj zorge kontrolitaj kaj kompletigitaj, ĝi enhavos multenombrajn utilajn sciigojn pri internacia vivo (kalendaro, poŝto, pezoj kaj mezuroj, mono, internaciaj institucioj kaj kongresoj) kaj tute novan parton pri la hotela servo (listo de la Esperantiaj hoteloj kaj dokumentita artikolo pri la vojaĝkutimoj kaj ekonomiaj rimedoj de ĉiu lando). Ĝi do estos la necesega akompananto de ĉiu Esperantiano kaj jam per si mem plene valoras la kotizaĵon de U. E. A.

Ni rememorigas, ke pro sia granda kaj tute internacia disvastiĝo nia Jarlibro estas bonega reklamilo, rekomendebla al ĉiuj firmoj, aferistoj, societoj, ktp. kiuj deziras atingi tutmondan publikon. La tarifo de la anoncoj — riceveblaj ĝis la 30 novembro — estas la jena: 1 paĝo, 20 Sm.; 1/2 paĝo, 10 Sm. ; 1/4 paĝo, 5 Sm. ; 1/10 paĝo, 2.50 Sm. ; du linioj, 0.80 Sm.

Rabato da 10 0/0 por Esperantiaj Entreprenoj. Specialaj pagoj por la kovrilpaĝoj.

**Etato de Esperantianoj.** — Dum 1912 la tuta nombro de la Esperantianoj atingis 9.096, el kiuj 8.828 ordinaraj membroj, 194 subtenantoj, 22 dumvivaj kaj 52 aprobantoj. Interŝanĝa Fako : 474. Virina Fako: 133. Laborista Fako : 88. Voĉdonrajtaj Delegitoj (varbintaj pli ol 20 membrojn) : 127. Ĉar la administra jaro 1912 estas nun finita, ĉiuj aliĝoj estos kalkulataj por la administra jaro 1913.

**Avizo al la Delegitoj.** — Ĉiuj Delegitoj nun ricevis N-on 15 de la Oficiala Bulteno, kiu enhavas detalajn informojn pri la repago de la kotizaĵo, kaj, kie tio estas necesa laŭ la Statuto, pri la rebalotado de la Delegitoj. Provizo de diversaj varbiloj estas aneksata. La Delegitoj, kiuj okaze ne estus ricevintaj tiujn gravajn dokumentojn, estas petataj nin informi.

**Urbaj adreslibroj.** — Oni nun en tre multaj lokoj zorgas

pri la represado de la urbaj adreslibroj. Estas tre dezirinde, ke tiuj libroj enhavu la adreson de la Delegito de U. E. A., kaj, se estas, de la Esperanto-Oficejo. Ni do petas niajn Delegitojn, ke ili bonvolu klopodi je la eldonistoj de tiuj adreslibroj por la enpresado de sia adreso.

**Balotado de la Delegitoj.** — Konforme al la Statuto de U. E. A., devas nun okazi la balotado de la Delegitoj kaj Vicdelegitoj por nova periodo de tri jaroj. Tiu balotado okazos en ĉiuj lokoj, kie estas almenaŭ 20 Esperantianoj (§ 17 de la Statuto).

Ĉiu membro de U. E. A., loĝanta en la regionoj, kie okazas balotado devos ricevi de la Delegito dum monato novembro unu balotilon. Tiuj balotiloj devos esti plenigataj kaj resendataj al la Delegito ne pli malfrue ol dek tagojn post la ricevo. La malfermado de la kovertoj kaj la kontrolado de la voĉoj estos plenumataj de la Delegito en la ĉeesto de almenaŭ du Esperantianoj, kiuj devos subskribi la rilatan protokolon.

Dum la daŭro de la balotado ĉiu Esperantiano, kiu deziras sendi komunikon al la membroj por propono de kandidato, rajtas peti de la Delegito kopion de la listo de l'membroj. Tiu kopio ne povas esti rifuzata. La kalkulado de la voĉoj povas esti farata dum la regiona kunveno, sed la voĉdonado mem devas esti koresponda kaj sekreta.

La balotado okazas per la absoluta plimulto. Se neniu ricevis ĝin, dua balotado okazos.

La membroj, kiuj ne estus ricevintaj balotilon dum novembro aŭ kiuj konstatus ian ajn rompon al la supraj reguloj, estas petataj tion kom uniki al la Centra Oficejo de U. E. A.

La Direktoro.

### Novaj Del., kaj Subel.

Bartenheim (Germanujo, Elsass). — D : Albert Baumman, negocisto, 67, Grabenstr.

Croydon (Anglujo, Surrey). — D. : A. D. Peck, « Watton » Cortford Road, Thornton Heath, S. E.

Dôle (Francujo, Jura). — VD. : F-ino P. Saugère, profesorino, 20, rue Dusillet.

Gorizio (Aŭstrio, Istrio). — VD. : Roberto Peternolli, inĝeniero, 45, via Leoni.

Lons-le-Saulnier (Francujo, Jura). — D. : Benoît Payebin, ciklo j kaj aŭtomobiloj, 31, rue du Jura.

Plzen (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Petr. Novohradsky, imp. reĝa imposta administristo, 10 ul. Krejĉiho.

Sennheim (Germanujo, Elsass). — D. : Adolphe Sontag, komercisto, 11, Latouchestr.

Sundheim-Kehl (Germanujo, Elsass). — D. : Paul Schwartz, 76, Hauptsr.

Tanger (Afriko, Maroko). — D. : C. V. Richard, Comptoir International de Transit.

Zara (Aŭstrio, Dalmacio). — D. : Rudolf Rubĉiĉ, poŝtoficisto, poŝtoficejo.

### Ŝanĝoj.

Bahia (Brazilujo). — VD. : Jayme Martin de Souza, Avenida Hilda, Garcia Salvador.

Breslau (Germanujo, Silezio). — VD. : Elias Zepler, komercisto, 19 Gutenbergstr.

Bury (Anglujo, Lancashire). — D. : James Aleksander Rogers, komizo ĉe notario, 79, Horne Street.

Cambrai (Francujo, Nordo). — D. : Paul Marissiaux, librotenisto, rue d'Arras.

Darmstadt (Germanujo, Hessen). — D. : Paul Usinger, studento, 20, Lichtenbergstr.

Gorizio (Aŭstrio, Istrio). — D. : Giuseppe Ipatriz, oficisto, 6, via Scala.

Gourock (Skotlando), — D. : John Barlow, inĝeniero, Norman Terrace, 7, Cardwell Road.

Kearney (Usono, Nebraska). — D. : Robert Johnston Hill, studento, 122, West 24-th Street.

Middlesbrough (Anglujo, Yorkshire). — D. : F-ino Mabeb B. Warne, 15, Myrtle Street.

Philadelphia (Usono, Pensilvania). — D. : Henry Hetzel, altlerneja profesoro, 17-th d. Wood Str. — VD. : Harry Test, 119, North 63, road Str.

Valencia (Hispanujo). — D. : Ricardo Albiol, kuracisto, 5-2, Moratin.

Vilna (Rusujo, Vilna, gub). — D. : Aleksandro Juĥneviĉ, Zvjerinec-Georgievski pr., n-ro 1, loĝ. 3.

### Eksiĝoj (pro forveturo aŭ aliaj kaŭzoj).

Framingham (SD. : F-ino Sanborn) ; Londono (SD. : Peck) ; Luzern (D. : F-ino Erasmi) ; Svatosin (SD. : Kondratjev) ; Upsala (D. : Finn).

### Rimarko.

La Del. de Fribourg (Svisujo) loĝas nun en Bern. La personoj, kiuj deziras informojn pri Fribourg, bonvolu sin turni al la jena adreso : Jos Vannier, café Waldhorn, Spitalakerster, Bern.

### Korektoj.

En N-ro 130 : la nomo de la Vicdel. en Kolomea estas : Ivan Jurczyszyn.

En N-ro 131 : la adreso de la Del. en Posen estas : 31/1 Schützenstr.

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj (Por la jaro 1912-1913).

N-ro 10. — *Esperantista Societo* (Lozovaj). P. : J. A. Arakelov., VP. : B. A. Dobrovoljsky, S. : G. A Smerkoviĉ, K. : S. Tejik, B. : F-ino Balabanova. Fondiĝo : sept. 1912. 50 membroj. La membroj deziras korespondi kun tuta Esperantujo. Regulan respondon garantias la prezidanto.

N-ro 11. — *Société psychique de France* (*Franca Psika Societo*, Paris). Adreso : S-ro M. Baure, 5 bis, rue Saint-Paul.

N-ro 12. — *Bradforda Esperantista Societo* (Bradford, Re-aliĝo). P. : J. T. Holmes, S. : J. A. Calvert, 116, Legrams Lane. Kunvenejo : Mikado Cafe, Godwin Street, ĉiuj ĵaŭde vespere je la 8 a.

N-ro 13. — *Petro Stojan* (Saint-Petersburg, re-aliĝo), Adreso : B. O. 17-lin, 68, k, 25. Deponejo de Ornitologia Vortaro Oklingva (1 Sm.) kaj de Ruslingva Vortaro (3 Sm.). Konto ĉe la Ĉekbanko. Esp. Rus-Esperanta eldonejo.

# Fakaj Asocioj de U. E. A.

## Universala Studenta Asocio

Estas nun fondita laŭ la decido de krakova kongreso. U. S. A., estas studenta fako de U. E. A., simila al jam ekzistantaj fakoj. Membro de ĉi tiu fako devas samtempe esti membro de U. E. A. La faka jarkotizaĵo estas 50 Sd. (kaj 1 Sm. de kotizaĵo por U. E. A). Oficiala organo de la fako estas *Studenta Bulteno*, kies unua numero aperos kune kun la plej proksima numero de *Esperanto*, kiel ĝia senpaga aldono. Kolegoj-studentoj ĉiulandaj bonvolu tuj sendi diversajn artikolojn (eĉ malgrandajn ! !), raportojn pri studenta vivo, esperanta movado inter studentaro, proponojn pri la funkciado de la fako k. t. s. al redaktoro de S. B. kol. *Joĵa Mareŝ* en *Luhaĉovice* (Aŭstrio-Moravio) ! Aliĝu al la fako, sendante kotizajon al : Esperantio, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo) aŭ al delegito de via regiono !

Studentoj, ne forgesu ĉi tiun vian centron, kiun rekomendis al la esperantista studentaro ankaŭ la studenta kongreso, en Krakovo !. Helpu ĝin ĉiupove kaj klopodu ebligi regulan aperadon de serioza studenta gazeto !

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** Ges-roj *Pion*, Beaune (Franc.) anoncas la naskiĝon de filino.

**Honorigo.** S-ro N. Foss, Del. en Ufa (Rus.) ricevis de la tiea fotografekspozicio bronzan medalon por liaj artfotografaĵoj kaj arĝentan por liaj koloraj fotografaĵoj.

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

.˙. S-ro *J. Fuks*, Usono, kore dankas S-ron Edm. Sos, Del. en Wien, kaj S-ron M. Wortmann, sekretarion de la *Societo por tuja helpado*, pro la afabla akcepto kaj la agrabla restado, kiun ili havigis al li dum lia vojaĝo de Rusujo Usonon.

.˙. S-ro *P. Zoffmann*, instruisto en Kolding (Danujo) multe dankas la gesamideanojn en Praha, en Dobrotiva, Libomysil, Budejovice, Prostejov, Olomouc, Horka kaj Bystrice p. Hostyn pro bonega helpo dum restado en Bohemujo kaj Moravio por studi lernejaferojn.

.˙. S-ro *L. Klotz*, Lodz, esprimas dankon al S-roj G. Mahn, E. Zepler kaj Wiener en Breslau, kaj al S-roj D-ro Ŝos, prof. Glück en Wien pro la amikema kaj simpatia akcepto.

.˙. El mia hejmlando mi esprimas miajn plej korajn dankojn al S-ro Schulz Istvan, Del. en Kaschaŭ (Hung.) por lia afableco kaj gastameco montrita dum mia haltado en lia bela urbo, revenante de la VIII. Esp. Kongreso. — Iv. H. Krestanof, Del. Sofia, Bulgarujo.

.˙. S-ro *G. R. Martin*, London, dankas al la Godesbergaj samideanoj kaj speciale al la Del. en Godesberg, Bruxelles kaj London por ilia afabla helpo dum la vojaĝo.

.˙. Ges-roj *Peck*, Croydon, dankas la Del. de Liskeard pro afabla helpo antaŭ kaj dum ilia libertempo en Love.

.˙. S-ro *H. Nonin*, Liverpool, esprimas plej varman dankon al S-ro Yelland, Del. en Plymouth, kiu tiel bone akceptis lin; ankaŭ li estas dankema al la Del. de Torquay, Bath, Bristol, Dublin kaj Liverpool. Tre multe li ŝuldas al Ges-roj P. Blaise, S-roj F. Vattor kaj Sexton el London, kiuj tre helpis lin dum lia restado.

.˙. S-ro *Kuttner*, kiu venis el Germanujo kaj per la helpo de U. E. A. trovis tre bonan situacion ĉe granda Londona firmo, kore dankas.

.˙. S-ro D-ro *A. Goldenberg*, Lodz, esprimas sian dankon al la samideanoj kaj precipe al la Del. de Wien, Praha kaj Dresden, pro iliaj afablaj servoj.

.˙. S-ro *A. Richardson* esprimas koran dankon al ĉiuj samideanoj, kies urbojn li vizitis, kaj kiuj ĉiam plej afable lin akceptis kaj agrabligis lian restadon. Precipe li dankas la Del. kaj Vicdel. de Nürnberg, Wien kaj Budapest.

# Nekrologio

### Doktoro Dor

En la momento ekpresigi nian gazeton ni kun granda bedaŭro eksciis la morton de D-ro Dor, prezidanto de la Lyona Esperantista Grupo, prezidanta de TEKA., komitatano de S. F. P. E., prezidanto de F. E. R., ano de L. K. kaj U.E.A.

Doktoro Dor naskiĝis en Vevey (Svisujo), je 1836. Post studoj en Svisaj, Francaj, Germanaj kaj aliaj Universitatoj, li estis elektita kiel oftalmologia profesoro ĉe la Berna Fakultato. Dum pli ol dudek jaroj, Doktoro Dor, poste praktikis en Lyon kaj lin benas miloj da malfeliĉuloj, kiujn li kuracis. Antaŭ kelkaj monatoj la Lyona Esperantistaro festis la jubileon okaze de kiu alvenis amaso da gratulleteroj kaj telegramoj el ĉiuj partoj de l'terglobo. De longa tempo li estis Esperantisto. Dank'al lia influo kaj la estimo, kiun li ĝuis, Lyon de longe estis vigla fokuso de Esperantismo en Francujo. Doktoro Dor ne nur subtenis la lokan movadon. Malgraŭ siaj multaj okupoj li trovis la tempon sin ageme okupi pri la diversaj Esperantistaj societoj, en kies estraro li havis oficon. Li ĉeestis multajn kongresojn kaj estis konstante la prezidanto de TEKA., de ĝia fondiĝo. La Esperantistoj ĉeestintaj la kongresojn longe memoros la belan maljunulon kun karakteriza kaj originala blankbarba kapo, kiu elvokis ĉies respekton. Ili ĉiam memoru la ekzemplon de vigleco kaj fervoreco, montrinta de tiu eminenta scienculo, kiu malgraŭ, la pezoj de la jaroj ne nur plene lernis Esperanton, sed ankoraŭ ĝin fervore propagandis kaj estis en la unua vico de ĝiaj pioniroj.

# Alvokoj

### Praktika Esperantisto

La orientbohema esperantistaro ellaboras grandan verkaron esp.: Praktika Esperantisto, enhavantan kvin partojn. I. Antaŭparolo. Modela gramatiko kun lernolibro. II. Detala frazeologia vortaro bohema-esperanta kaj esperanta-bohema (du volumoj enhavantaj ne nur ĉiujn teknikajn kaj sciencajn vortojn, sed eĉ multajn milojn da frazoj elĉerpitaj el eminentaj esp. verkoj). III. Ilustrita Esperanto-Leksikono (verko enhavanta ĉion, kio rilatas al nia esp. movado). IV. Manlibro de praktika esperantisto. Ĉi tiu verkaro estos necesa por ĉiuj, kiuj volas funde posedi Esperanton kaj kiuj ĝin bezonas por internaciaj rilatoj, kiel ekz. komercistoj, vojaĝantoj, instruistoj, verkistoj, scienculoj ktp.

Por ebligi eldonadon de Pratkika Esperantisto estas necese, ke: 1e ĉiuj esperantistoj helpu kolekti materialon, precipe por Ilustrita Leksikono (ekz. fotografaĵojn, detalajn priskribojn, biografiajn datojn ktp.), kompreneble nur tian, kiu havas por ni esperantistoj iun specialan signifon; 2e ke ĉiuj esperantistoj fariĝu abonanto de tiu ĉi vortaro.

Tuj kiam alvenos sufiĉe granda nombro da mendoj, la aliĝintoj ricevos senpagan prospekton enhavantan po unu aŭ du paĝoj de la citita verko. Ili povos poste aboni aŭ tutan verkaron aŭ unuopan verkon laŭ plaĉo. Afablaj konsiloj koncernantaj ĉi tiun verkaron estas bonvenantaj. Oni bonvolu sendi ilin same kiel la mendilojn sub adreso: S-ro K. Kudrna, eldonisto, Chrudim, Bohemujo.

### Ekspozicio

Intencante aranĝi propagandan ekspozicion en mia urbo (ĝi enhavas pli ol 100.000 da loĝantoj, sed tre malmulte da esperantistoj kaj nek esperantan librejon nek esperantan entreprenon) mi petas ĉiun veran esperantiston helpi min per sendo de diversaj esperantaĵoj, kiel broŝuroj, gvidlibroj kaj-folioj, katalogoj, prezaroj, poŝtkartoj, fotografaĵoj kaj specimenajn n-rojn de esperantaj ĵurnaloj. Ĉio estos akceptata kun korega danko. Adresu al S-ro Salomono Joffe, Del., Kornstr. 49, Libau, Rusujo.

### Pri la Oka

La Del. en Krakow, Kopernikstr. 17, insiste petas pri tuja alsendo de po 2 ekz. de ĉiuj gazetoj esp. aŭ naciaj de la tuta mondo enhavantaj raporton- eĉ mallongan, pri la VIII. kongreso.

### Paroladvojaĝo pri Praha

Aldone al nia lasta sciigo S-ro Prof. Pitlik komunikas al ni, ke li sukcesis riĉigi sian kolekton de lumbildoj per novaj serioj de la bohemaj naciaj kostumoj, de la sokola manifestacio 1912 kaj de la pentrindaj bohemaj kasteloj kaj urboj. — La societoj, kiuj ankoraŭ ne aliĝis, adresu ĉiam: S-ro Prof. Aug. Pitlik, Praha III, Janskyvršek 3.

### Helpopeto

La organo de la haga sekcio de la ligo de nederlandaj instruistoj permesis al mi malfermi rubrikon, en kiu mi povos komuniki, kie Esperanto estas enkondukita, ata, ota ĉe la instruado. Tiun taskon mi jam komencis, sed mi havas tre malabundan materialon. Tial mi petas la gesamideanojn, kiuj povos informi min pri enkonduko de Esp. en iun ajn lernejon, instituton, edukejon (ĉu publika aŭ privata, ĉu elementa aŭ mezgrada aŭ universitata, ĉu neŭtrala aŭ religia, ĉu ĝenerala aŭ faka) aŭ kiuj povos doni informojn pri monhelpo al esp. kursoj de urboj, departementoj, provincoj, regnoj kaj similaj registaroj, sendi tiajn informojn al mi, por efika propagando inter la instruistaro kaj aŭtoritatuloj, ĉar nia organo estas sendata ankaŭ senpage al la lastaj.

Antaŭe mi dankas ĉiujn helpemajn samideanojn : D. J. Broekhuizen, Steynlaan, 57, Hago, Nederlando.

### Ekspozicio

Nia urbo preparas grandegan ekspozicion. Ni havas eblecon aranĝi dum ĝi esperantan fakon. Ĉar la ekspozicio estos granda kaj daŭra, ni esperas, ke nia fako bone povos helpi propagandon de nia lingvo kaj afero. Tial ni kuraĝas varmege peti subteni nian entreprenon, havontan tre grandan moralan signifon.

Ni estas certaj, ke neniu rifuzos sendi al ni, laŭ adreso : *Kiev* (Rusujo), Nikolajevskaja, 9, magazeno de S-ro Ŝepe, « por ekspozicio » — siajn eldonaĵojn kaj ĉiujn esperantaĵojn, ekzemple : libroj, gazetoj, ĵurnaloj, muzikverkoj, katalogoj, afiŝoj, prezaroj, etiketoj, esperantaj propagandaj kaj aliaj poŝtkartoj, kovertoj kaj markoj, esperantaj vizitaj biletoj kun presitaj titoloj, esperantaj kongresaj kaj aliaj signoj, diversaj esperantaj komercaĵoj k. t. p. — unuvorte, ĉiuj aĵoj kaj objektoj, rilatantaj Esperanton kaj ĝian disvastiĝon. Sendaĵoj, laŭ deziro, povos esti resendataj post la finiĝo de l'ekspozicio. Ĉia sendaĵo, eĉ kiel ajn malgranda, estos ricevita kun kora danko kaj multe faciligos nian, ofte malfacilan, laboradon en la vasta lando.

Kieva Esperantista Societo « Verda Stelo ».

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Debreczen (Hungarujo). — S-ro Francisko Kœrœsi, zœldfa u. 6, PI. L. (kun fraŭlinoj, nepre kun anglaj, svedaj, norvegaj, hispanaj, portugalaj, balkanlandaj, kaj ekstereŭropaj).

Dortmund (Germanujo). — S-ro Joh. Kalpein, Bremerstr. 1/III, PI.

Duisburg (Germanujo). — S-ro Chr. Sewing, Neudorferstr. 213, PI., PM.

Hradec Kralove (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Franjo Soulavy, studento ĉe S-ro Lukeŝ, kontrolisto, PI.

Limoges (Francujo). — S-ro Maurice Breton, 39, chemin de Beaupuy, PI. PM.

Luck (Rusujo, Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Madureira C. Federal (Brazilujo). — S-ro Osmany C. Silva, rua Marechal Rangel 356, PK. L. PI. bfl. (kun liberpensuloj, antiklerikaloj kaj materiistoj).

Montevideo (Urugvajo). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Moskvo (Rusujo). — Kommerĉeskij Institut, studenta Ĥudelej.

Moskvo (Rusujo). — S-ro A. Prager, poŝta kesto, PI. (kun amerikanoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro V. Borisov, Pokrovka d. 11 kv. 6 (kun ĉiuj landoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro T. Golev, Bolŝie Kamentŝiki 22 (nur kun neeŭropanoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro J. Apuĥtin, Kuzreckaja ul m. Tatarskij per. d. 6, kv. 2 (kun ĉiuj landoj).

Münster I. W. (Germanujo). — S-ro Jos. Sahler, Industriestr. 14 (kun alilanduloj).

Olomouc (Aŭstrujo, Moravio). — F-ino Melanie Holzerova, Marianska 3, PI.

Orel (Rusujo). — S-ro Boris Andrejeviĉ Popov, Ĉerkasskaja 27, PI. (kun ĉiuj landoj, escepte eŭropa Rusujo).

Peterburgo (Rusujo). — S-ro S. Vlasov, universitato, PI. koloritaj.

Philadelphia (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.167 E. Cumberland str. (kun teozofoj ; pri praktika organizado de Esp. Teoz. Movado ; nur L.).

Praha VII. (Austrio, Bohemujo). — Sro. J. Krupiĉka, u. Academie, 230, PI. PK. (kun ĉiuj landoj).

Rio-de-Janeiro (Brazilujo). — S-ro Aristoteles Palmeira, rua Marechal Rangel 464 aŭ 2-a Seccao do Trafego Postal, PK. PI. Pm. L. bfl.

Santa Colona de Farnés (Hispanujo, Gerona). — S-ro Antono Vila, lo Plaza de la Constitucion (kun junuloj kaj speciale kun junulinoj).

Serpuhov (Rusujo). — Sitce Nobivnoja fabrika de Konŝin Kotelnaja. Al Ivan Nikolaeviĉ Miriteev (pri fabrika laboro kaj vivo).

Stavanger (Norvegujo). — S-ro Vilh. Pettersson, O'vre Klevegat 2, PI. PM. (kun neeŭropanoj).

Saint-Etienne (Francujo). — S-ro J. Bordes, suboficiro ĉe la 38-a infanteria regimento 11-kompanio, PI. L. bfl.

Smyrna (azia Turkujo). — Sro. Panayroti Styhanopoulo, rue Elmassoglon, nº 27.

Troyes (Francujo, Aube). — S-ro Fernand Darbot, 6, rue de l'Egalité, PI.

Troyes (Francujo, Aube). — S-ro Georges Zwing, 86, Rive droite du Canal, PI.

Volkovinci, Podolskoj gub. (Rusujo). — S-ino Alvina Vojciehovska, PK.

Volkovinci, Podolskoj gub. (Rusujo). — S-ro Leonido Grineviĉ, juna maristo, L. PK.

Volkovinci, Podolskoj gub. (Rusujo). — S-ro Jano Vojciehovskij, PK.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

BONAN APETITON. — Manĝokarto en 6 lingvoj por vojaĝontaj eksterlanden. Prezo 10 SD. en poŝtaj markoj aŭ respond-kuponoj. Revendistoj ricevas rabaton. Ig. Tejchfeld, Jerozolimska 89 — Varsovio (Rusujo).

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

25-JARA FRAŬLO, ruso, deziras edziĝi je alilanda Esperantistino. Rusujo, Slob. Nikolaevskaja, Astraĥansk, gub., Carevsk, u. E. M. Tiĥonov.

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1,25 — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse, 19.

GLUMARKOJ. — Mi deziras eldoni specialan ilustritan katalogon de Esperantaj « GLUMARKOJ » kun plena priskribo kaj informoj. Ĉiuj eldonintoj de glumarkoj estas petataj sendi po unu ekzempl. kun klarigoj : dato de eldono ? eldonejo ? desegnisto ? prezo ? plena adreso ? ktp. al Georg Davidov, Rusujo, Saratov, poŝtkesto 12.

RIPREZENTADO. — S-ro V. Jakovlev, Del. U. E. A., deziras riprezenti en Ĥarkovo (Sud-ruslando) komercajn firmojn. Oni sendu proponojn : Pasaĝ, 39 ĉe Mazmanov, por Delegito.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, paperverdejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiania (Norvegujo) Sm. 0.15 (du respondkuponoj) afrankite. Aldono : intermita sciigo N-o 2 : ankaŭ du respondkuponoj. Librovendistoj ensendu mendojn.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10 000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tudori, S. Sebastian (Hisp.).

PETO. — Esperantianoj. Bonvolu sendi poŝtkarton esperante al la grava firmo « Dent & Ko., Bedford str. London WC. (Anglujo) » petante senpagan katalogon de libroj. Post monato la Delegito revizitos la ĉefestron por peti realiĝon kiel Esp. Entrepreno. Sendube li sukcesos, se multaj el vi skribos al la firmo.

Postulu ĝis milionoj rapide ĝuste multiplikantajn kalkulilojn kun instrukcio nur po 40 Sd., afrankite. — Traduku humorajon, frazarojn aŭ komercleterojn, esperante, france, angle, kaj ruse vi ricevos esperlibron aŭ belegajn vidajkartojn senpage. Koĉi, Kladno-Bohemujo.

PETO. — S-ro Ed. Stettler, Vic-Direktoro de U. E. A., Bern kaj Genève, petas la esperantistojn, ke ili ne sendu al li proponojn pri interŝanĝo de leteroj, poŝtkartoj ktp. Havante multan oficialan korespondadon, li ne havas la tempon por respondi al tiaj proponoj.

## Perfekta Kuiristino

Unuakta komedio de B. Hentsch

Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm. **0,20** (afranke)

### NOVAJ LIBROJ :

**Kulturceladoj de la nuntempo.** — De S-ro D-ro Aug., Forel, trad., D-ro Fr., Uhlmann. Tiu ĉi nova verko de la fame konata sciencisto traktas la plej gravajn nuntempajn sociajn problemojn en konciza, interesplena kaj populara maniero. — Prezo : Sm. 0,50 (afranke).

**Paŭlo Debenham.** — Romano originale verkita en Esperanto de H. A. Luyken. Tiu originala verko, rimarkinda tiel pri la stilo kiel pri la enhavo, estis rigardata de la Esperanta gazetaro, kiel unu el niaj plej bonaj originalaj literaturajoj. Prezo : Sm., 1,12 (afranke).

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 belegaj reproduktaĵoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio. — Prezo : Sm. 2. — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager, Trad. de J. Schmid. L, K. 157 paĝoj. — Prezo (kartonite) : Sm. 2.

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj. — Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, Mono. — Prezo : Sm. 0.20.

**Historieto de Esperanto.** — Premiita ĉe la literatura konkurso de la Sepa Kongreso. Verkis D-ro A. Fiŝer. Prezo : Sm. 0,24 (afranke).

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizajoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze. — Prezo : Sm. 0.50.

**Kion la Vivo alportis.** — Dek originalaj poemoj de D-ro Schulhof, Antaŭparolo de M. Hankel. — Prezo : Sm. 8.20.

### OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Propagandiloj*

**Esperantismo.** — La internacia rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.

Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana aŭ rusa.*

Prezo (afranke) : Sm. 0.10. Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 %.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca aŭ germana.*

Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10. *100 ekz.* Sm. 0.80.

Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.

Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butono . . . . . . Sm. 0.48

Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

*Oficiala skribmaterialo*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Leterpapero*, 100 ekz. | $ 0.75 | *Poŝtkartoj arte ilustritaj* 10 ekz. | $ 0.40 |
| *Kovertoj*, 100 ekz. | $ 0.60 | (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. | $ 0.60 |
| *Poŝtkartoj*, 100 ekz. | $ 0.75 | | |

**Universala Esperantia Librejo**

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO. — GENÈVE, 10, rue de la Bourse**

**Edmond PRIVAT**

Privat-Docento ĉe Ĝeneva Universitato

# HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO

**Unua parto : 1887-1900, enhavo :**

Antaŭparolo; Esperanto kaj indo-eŭropaj lingvoj; Zamenhof kaj deveno de Esperanto; Apero de " Unua Libro "; Unua jaro; Pri la " Dua libro "; La rolo de Zamenhof; La " Amerika Filozofia Societo " kaj la " Aldono al Dua Libro "; La Nürnberga Klubo, Einstein " La Esperantisto "; La Ligo; La reformaj diskutoj en 1894; Upsala Klubo kaj « Lingvo Internacia »; Esperanta Literaturo; Tradicioj; Komenco de franca movado; De Beaufront kaj lia influo sur la lingvo; " L'Espérantiste "; La spirito de la Lingvo. **Rekomendita por Kandidatoj al superaj ekzamenoj. Bindita, Sm. 0.50.**

## " KARLO ", Rakonto en 20 Ĉapitroj

**Kvara eldono, entute represita laŭ la originala manuskripto kun ĝis nun nepresitaj partoj**

*Tiu verko estas uzata kiel* **legolibro** *en Esperanto-Kursoj de Anglujo, Francujo, Italujo, Rusujo, Germanujo kaj aliaj landoj, pro sia* **klara kaj facila stilo. Prezo, Sm. 0.20.**

---

## Wilh· Helmerdig

*(membro de U. E. A. 7.623)*

**Aĉeto** **DRESDEN-A. (Saksujo)** **Interŝanĝo**

**Moritzstr 16**

Serĉas aĉeti poŝtmarkojn de ĉiuj landoj, uzitaj, neuzitaj, sur letero kaj sur fragmento. Mi petas por proponoj de komercistoj aŭ kolektantoj.

---

## ESPERANTISTA POŜKALENDARO

★ por la jaro 1912 ★

Redaktoro :

**D-ro A. Schramm, reĝa asesoro, Dresden.**

La nova eldono enhavas, krom la ambaŭstila dataro kaj diversaj tabeloj, tre riĉan kaj valoran materialon, multe pli ampleksan ol en la antaŭaj jaroj. Multaj artikoloj informos la aĉetantojn de la libro pri ĉio, kio estas sciinda en Esperantujo, kaj pro tio la nova Poŝkalendaro estas bezonata libro por ĉiu esperantisto.

Pro la abundeco de la materialo la kompleta listo de la esperantistaj grupoj, kiu ĝis nun troviĝis en la Poŝkalendaro, aperos kiel aparta libro en Aprilo 1912

**Prezo de la Poŝkalendaro (unua parto)**

0,80 M (0,400 Sm.) neafrankite,

Sendkostoj por Germanujo 0,10 M., por ĉiuj aliaj landoj 0,15 M. (0,075 Sm.).

Oni postulu specialan prospekton de

**Esperanto Verlag Mœller et Borel**

Berlin SW. 68, Lindenstr. 18-19

kaj korespondantoj

---

## DIETO POR ARTRITISMULOJ




**TRINKI ĈIUMANĜE**

# VICHY CELESTINS

**EN ĈIUJ TRINKEJOJ :**

**UNU KVARON BOTELO**

*MALSATIGA*

*Antaŭ la Manĝo*

*DIGESTIGA*

*Post la Manĝo*

Grafikaj Artoj de Publicité " ESPERANTO ", Herlemont.

---

## DANUBO

MONATA ORGANO DE LA RUMANAJ KAJ BULGARAJ ESPERANTISTOJ

Internacia gazeto (32 p., 16×24) nur en Esperanto

*Redaktata de speciala komitato*

*kun la kunlaborado de eminentaj diverslandaj Esperantistoj*

Fundamenta, korekta stilo! Plej enhavoriĉa! Plej malkara!

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO :

**5, Str. I. C. Bratianu, BUCURESTI (Rumanujo)**

**Jara abono : 1.40 Ş (Fr. 3.50)**

Persono, kiu abonigas 5 novajn personojn por jaro, rajtas ricevi senpage *Danubon* dum unu jaro. Specimena N-o nur kontraŭ respondkupono.

